XXIV-a jaro. N° 331 [3] • Monata • Marto 1928

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redakcio : D-ro Edmond PRIVAT, Prezidanto & Hans JAKOB, Direktoro de UEA.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

REDAKCIO : *La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn.*

*Lasta dato por ricevo : 1-a de ĉiu monato por la sekvanta monato.*

*Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

*La abonoj komenciĝas en Januaro.*

ABONO & REKLAMO

| | |
|---|---|
| **Simpla abono** . . . . . . . . . | 10.— Fr. Sv. |
| **Kun la membreco de UEA** . . . . . | 12.50 Fr. Sv. |
| **Unu numero** . . . . . . . . . | 1.— Fr. Sv. |
| **Anonco** (unu centimetra kolonero) . . . | 3.50 Fr. Sv. |
| **Anonceto** (1 linio : 10 vortoj). . . . | 0.75 Fr. Sv. |
| **Korespondado** (1 enskribo) . . . . | 1.— Fr. Sv. |


ENHAVO



## DU GENERACIOJ

Oni legos sur alia paĝo leterojn de kaj al la Prezidanto de l'Akademio. Ili esperigas baldaŭan ĉesigon de la bedaŭrinda landnoma disputado kaj rekunlaboron de UEA en harmonio kun niaj lingvaj institucioj en tiu momento, kiam plene disrompiĝas la idista movado kaj ankaŭ ĝojige rekreskas aliĝoj al UEA.

Se ambaŭ flanke ni ĉiuj montros bonvolon kaj komprenemon, finiĝos tiel la lasta el tiuj internaj konfliktoj, kiuj perdigis tiom da energio kaj tempo al multaj esperantistoj. Estos atingata tiu fronta unueco plej favora al serioza progresado kaj venkado.

En Februaro antaŭ 25 jaroj ni lernis Esperanton estante knabetoj en suba gimnazio kune kun Hector Hodler kaj fondis la gazeton « Juna Esperantisto » en Marto 1903. En Aprilo ni festos la dudekan jubileon de UEA. Ni sincere kredas, ke ni ne pekos kontraŭ la memoro de ĝia fondinto, se ni sukcesos per ago disciplina faciligi la unuecan plifortigon de la Esperanto-movado.

Lian vidpunkton ni lojale klarigis, kaj ni fidas ankaŭ, ke la dekses anoj de la Akademio ne ignoros tiujn milojn da uzantoj, kiuj sekvas ĝin praktike kaj donas grandan gravecon al la principo de senrompa evoluado.

Nenio povas pliĝojigi tiun datrevenon ol la sento, ke lasta dorneto estos forprenita el piedo esperantista kaj ke ĝi povos ankoraŭ pli firme antaŭenmarŝi. En la daŭro de unu tuta generacio Esperanto faris jam grandajn paŝojn.

La senpaciencaj novuloj eble ne povas tion imagi. Ili vidis nur kelkjarojn kaj trovas la vojon malrapida. Sed kiuj konis la movadon en 1903 kaj rigardas ĝin hodiaŭ trovas grandegan diferencon de amplekso kaj kvalito. Ili eĉ ne bezonas kalkuli, ke katastrofa mondmilito formanĝis tiom de jaroj.

En 1903 la ebleco de helplingvo estis eĉ neata publike, tiom pli ke ekzistis en la mondo tre malmultaj homoj kapablaj paroli la lingvon flue. Hodiaŭ la ebleco kaj ekzisto de Esperanto estas ĝenerale ekceptataj kiel oficialaj faktoj. Ĉiu homo — almenaŭ en urboj — konas personojn, kiuj lernis la lingvon. Oficiale instruata ĝi estas en kvar universitatoj kaj en milo da lernejoj.

En 1903 oni sciis parkere la liston de ekzistantaj libroj. Nun estas presitaj miloj kaj eldoniĝas nun nova ĉiun duan aŭ trian tagon. Ĉefe impresas la vasta parola uzado de Esperanto. Nu, se post novaj, 25 jaroj la progreso estos laŭ sama proporcio, tiam la instruado en lernejoj estos jam ĝenerala, se ne deviga, kondiĉe ke ni sciu labori tiom orde, tiom sindone kiom niaj unuaj prioniroj.

Danke nia memoro travivigas la malaperintajn vizaĝojn de la Majstro, Boirac, Bourlet, Hodler, Rousseau, Mudie, Bicknell, Moscheles, Mybs, Pollen, kiom da aliaj karaj, bonaj, fervoraj laborintoj !

Kiom de malfacilaĵoj ili havis, kiom da baroj ili devis venki interne kaj ekstere ! Pensu nur pri la Delegacia afero aŭ pri la longa organiza batalado ! Hodiaŭ la esperantistaro povas uzi sian energion al pozitiva propaganda kaj uza laboro. Ĝi solvis siajn internajn problemojn. Restos diferencoj de temperamentoj, ideoj aŭ metodoj sed la vojo estas klara, senŝancela. Personoj ne plu gravas. Ĉiu el ni devas esti anstataŭebla.

Al la antaŭa generacio nian dankemon, al la nova nian bondeziron. Antaŭen pli forte, manojn en mano !

**Edmond Privat.**

## SOCIA VIVO

# Pri la Panamerika Konferenco

de *Liang-ĉu-vaj.*

Lastatempe oni multe parolis pri Paneŭropo, la movado komencita de grafo Coudenhove-Kalergi en Vieno. En la pli okcidenta kontinento tia ideo jam realiĝis kaj ekzistas jam oficiala Unio Panamerika, kun sidejo en Washington.

Ĝia konferenco ĵus okazis en La Havana, ĉefurbo de kuba insulŝtato. Estis reprezentataj 22 respublikoj de suda kaj norda Ameriko. En 20 oni parolas hispane, en unu portugale (Brazilo) kaj en unu angle (Usono). Interesus min treege scii kia lingva sistemo regis ĉe la konferenco. Ĉu la delegito de UEA tie havus la afablecon informi nin pri tio ? Certe vi ĉiuj dankos lin pro la sciigo.

Esperanto estus admirinda rimedo por faciligi la interkomprenon inter hispanlingvaj kaj anglosaksaj nacioj, ĉar la lingvo de Zamenhof staras ĝuste en la mezo inter ambaŭ, almenaŭ laŭ vortaro. En sia malferma parolado prezidanto Coolidge konstatis, ke la ĵurnalistoj monopolas la interkonon inter la popoloj kaj povas terure influi reciprokajn rilatojn per malakurataj novaĵoj.

Nu ĝuste se la popoloj havus rimedon rekte interrilati, ili povus iomete kontroli tion, kion rakontas ĵurnalistoj. Se Esperanto efikus eĉ nur tiel, ĝi jam valorus la tutan vian penadon kaj la genian inspiron de Doktoro Zamenhof. Cetere, antaŭ la milito, la direktoro de la Panamerika oficejo en Washington estis granda amiko de nia afero.

Prezidanto Coolidge klopodis ĵus difini la okcidentan idealismon — do amerikan — per la jena karakterizo : « demokratio kaj volo solvi la konfliktojn ne per forto, sed per arbitracio ». Iom ofendite, la Eŭropanoj kaj Azianoj — do la malnovmondanoj — ironie observis, ke usonaj soldatoj batalas en Nikaragvo ĉe malgranda najbaro. Usona ĉefdelegito Hughes per parolado en Havana komerca ĉambro respondis ke Usono ne intencas resti tie, sed nur restarigi ordon, ĉar okazas tro oftaj revolucioj. Argentina gazetaro refutas, ke la interveno celas ĉefe protekti financajn interesojn. Ni restu for de la disputo.

Ĉiuokaze dum la konferenco rimarkiĝis tendenco de la sud-amerikaj regnoj kontaŭ « intervenoj » ĝenerale. Eĉ rekomendo estis akceptita, ke oni evitu ilin estonte.

Estas fakto, ke la respublikoj de Suda Ameriko posedas preskaŭ nenian militan forton kompare kun eŭropaj regnoj. Ĉilio fieras ke ĝi havas dekoble pli da instruistoj ol da soldatoj. Pluraj konfliktoj inter tiuj ŝtatoj solviĝis jam per tute pacaj intertraktadoj aŭ arbitracioj. Tie ekzistas jam la kutimo pri internaciaj paco, senarmeco kaj sekureco. En Centra Ameriko ankoraŭ daŭras iom da timo pri premoj aŭ intervenoj de la potenca norda najbaro, sed tiuj malgrandaj ŝtatoj ne serĉas protekton en pliarmiĝo, sed en ĝeneralaj konferencoj, kiel Unio Panamerika aŭ Ligo de Nacioj kaj en la publika opinio de la grandaj sudaj samlingvanoj. Cetere en Usono mem ekzistas forta movado favora al rezigno je ĉiaj intervenoj eksterlande.

Inter la diskutoj en La Havana tre interesa estis propono de unu hispanlingva ŝtato. Nun en la konsilantaro de Panamerika Unio sidas ĉiam la diplomataj reprezentantoj de la sudaj respublikoj en Washington. Kompreneble estas ilia ĉefa tasko bone rilati kun la usona registaro. Ne taŭgus, ke ili malbonigu tiujn rilatojn per iaj opinioj aŭ juĝoj en ia eksterofica afero.

Rezultato estas, ke ili ne povas sidi tute senĝene kaj libere ĉe la Unio Panamerika, ĉar unu rolo embarasas la alian. Pro tio estis farita la propono, ke aliaj delegitoj al la ambasadoroj estu speciale senditaj al la Konsilantaro Panamerika.

Tute simila demando prezentiĝas en Ĝenevo ĉe la Konsilantaro de la Ligo de Nacioj. Se malgrandan eŭropan regnon reprezentas ĝia ambasadoro aŭ sendito en ĉefurbo de granda potenco, li povas troviĝi en tre malfacila situacio, se li devas kontraŭstari la opinion de tiu grandpotenco ĉe la kunsido pri iu ajn problemo tute ekstera pri Azio aŭ Afriko. Povas ekesti grava dilemo inter internaciaj principoj kaj diplomata silentemo por ne endanĝerigi alian taskon de dumjara ofico.

Fakte tio estas tre ofta okazaĵo. Malgrandaj landoj ne havas multan monon ankaŭ ne multajn ŝtatistojn. La plej bonajn ili bezonas hejme aŭ sendas al Londono, Parizo, Berlino, Romo. Plej ofte unu el tiuj lastaj devas veturi Ĝenevon. Ĉar lia lando ne havas koloniojn aŭ gravajn militajn interesojn, ĝi emus insisti pri idealistaj solvoj, sed trans la tablo rigardas potenca ŝtatministro, kun kiu li devas konstante rilati dum la tuta jaro por defendi hejmajn interesojn ekonomiajn aŭ aliajn. Kion fari ?

Unuflanke staras morala devo kaj homara postulo subteni iun paŝon justan kaj aliflanke, venontan semajnon, estos hejma devo diskuti novan komerctraktaton kun ĝuste tiu fama potenculo, kiu nun proponas « forigi la demandon el la tagordo ».

Plej ŝatas la verkistoj studi internajn dramojn pri amo. Kompreneble. Sed ekzistas ankaŭ tre interesaj kaj frapantaj tragedioj de la homa konscienco premita sub ekonomiaj aŭ politikaj trudoj. Eĉ plimultiĝas ili ĝuste nun en la momento, kiam la internacia vivo baraktas por organiziĝi kaj akiri sian lokon ĉe la suno.

# Evoluo al federacia organizo





Tre interesa estas nun en Germanujo la diskuto por aŭ kontraŭ plincentrigo de la tuta regado kaj malfortigo de apartaj ŝtatoj.

Ankaŭ tre interesa la historio de la svisaj respublikoj aŭ kantonoj. Kiamaniere ili sukcesis iom post iom organizi sian kunvivadon kaj rezigni je militoj inter si, malgraŭ la gravaj lingvaj kaj religiaj diferencoj, tio estus temo tre alloga por studanto de la nunaj internaciaj problemoj, eksemple Ligo de Nacioj, Panameriko, Paneŭropo, k.t.p.



Same tre rekomendinte estas studi la nunan staton de brita Imperio kaj la rilatoj de ties diversaj regnoj inter si, ekz. Kanado, Irlando, Aŭstrali, Sudafriko, Nov.-Zelando. Ankaŭ tre utilas ekzameni la konstitucion de la Unio de Sovetaj respublikoj, Ruslando, Ukraino, Georgio, Armenio, Siberio, k.t.p.



La svisaj respublikoj aŭ kantonoj bezonis multajn centjarojn por atingi la nunan formon de Konfederacio. La unuaj tri Uri, Schwyz, Unterwald, kunligiĝis en 1291 en la tempo kantata de Schiller en sia fama verko Wilhelm Tell. La lastaj kiel Ĝenevo alligiĝis nur en 1815 post la malvenko de Napoleono.





Ankoraŭ nun ĉiu el ili posedas sian apartan flagon, konstitucion, parlamenton kaj registaron. Komunaj institucioj estas nur poŝto, telegrafo, fervojoj, eksterlandaj aferoj, defendo, doganoj kaj tion prizorgas la centra parlamento kaj federala konsilantaro, sidantaj en Bern. Ne ekzistas « svisaj » impostoj, sed nur kantonaj. La centra registaro devas vivi nur el doganoj.



La svisa flago ĝenerale aperas en festoj apud la kantona. La diversaj lingvoj havas egalajn rajtojn en centraj aferoj. Bankbiletoj portas surskribon germanan, francan kaj italan. Krom Berno, Friburgo, Valezo kaj Griŝuno, ĉiuj ceteraj kantonoj estas absolute unulingvaj, Ĝenevo, Valdo, Neuchâtel franclingvaj, Tiĉino itallingva kaj ĉiuj ceteraj, la plimulto, germanlingvaj.





Per lernejo, per hejmo, per gazetaro kaj per ektradicio kreiĝis en la popolo nacia sento svisa ; sed ofte pli forta, ĉar pli malnova, estas la sento kantona. Ekzemple ĝeneva patriotismo estas pli rimarkebla ol svisa, en la urbo de la Ligo de Nacioj, sed ili ofte kuniĝas kaj havas nenion kontraŭan inter si. Estas eĉ kutimo en lernejoj afiŝi la ŝildojn de ĉiuj svisaj kantonoj sur la murojn krom la propra kaj la svisa.





Nu, tiu stato kaj tiu « svisa » sento estas afero sufiĉe nova, fakte ĝeneraliĝinta nur dum la du lastaj generacioj. Avo mia, ironte de Ĝenevo al Lausanne, ankoraŭ diris « mi veturos Svislandon ». Ekzistis ankoraŭ dum mia infaneco, strato nomata « Strato al Svislando ». « Ĝi fariĝis nun » « Strato al Lausanne ».



Dum la lasta centjaro ĉiuj diversaj svisaj respubliketoj havis apartajn armeojn, monerojn, doganojn k.t.p. En 1846 ili ankoraŭ batalis inter si pro religio. Dum antaŭ centjaroj tiaj militoj estis oftaj, kaj la malgrandaj regnoj de la svisa ligo tre suferis ankaŭ pro la ĵaluzoj inter la pligrandaj kaj plipotencaj kiel Berno, Zurich, Lucerno.






Necesis longa sperto por alveni al la nuna paca stato sur la bazo de federacio. Komunaj ekonomiaj bezonoj multe helpis, sed edukado ankaŭ efikis. Estas tute certe ke la svisan ideon, la svisan senton disvastigis ĉefe la lernejoj, kie la infanoj nun ricevas ĝin aŭtomate. Kompreneble ekzistas ankoraŭ grandaj ĵaluzoj inter kantonoj kaj ili tradukiĝas en popolaj sentoj per dialekta mokado, sed al neniu venus la ideo pri milito aŭ ebleco de milito inter kantonoj. Ĉio finiĝas per ŝercaj versaĵoj en karikatura revuo.





Nu, kio okazis inter la svisaj respublikoj kompreneble ankaŭ estiĝos iam inter la diversaj regnoj de la mondo. Ekonomiaj bezonoj tion postulas. Politikaj aranĝoj troviĝos kaj stariĝos iom post iom. Sed ankaŭ tie edukado havos grandan rolon.



Ne estas pli malfacile disvastigi en lernejoj la ideon tutmondan kaj la senton homaran ol ĝi estis ja disvastigi en zuriĥaj aŭ ĝenevaj lernejoj la svisan apud la kantona tradicio kaj



amo. Tia edukado de la popolsentoj estas necesa komplemento de la ekonomia kaj politika transformo de la mondo.

Kompreneble sentiĝas forta rezisto al tio. La samaj rondoj en Svislando, kiuj timis ke la svisa ideo detruos la kantonan tradicion hodiaŭ timas, ke la homara ideo detruos la nacian tradicion. Tamen tiel ne okazis. La diversaj kantonoj konservis sian memregadon, sian lingvon, sian flagon, sian fortan senton kaj tamen la komunaj institucioj simboloj kaj sentoj fakte ĝeneraliĝis.

Do kial ne okazus tute same sur la internacia kampo ? Infanoj povas lerni Esperanton, kanti fratecan himnon, ami la homaron forgesante, nek propran lingvon, nek propran landon. Forta kulturo neniam povas esti negativa. Observu, ke eĉ nun Esperanto jam servas samtempe por disvastigi homaran senton kaj konigi la diversajn popolkulturojn. Esperantistoj ŝatas legi tradukojn el fremdaj literaturoj, admiri naciajn kostumojn k.t.p. tio estas nenio alia ol la kultura flanko de la evoluo al federacia mondo.

Se ĝi detruos ion, tio povos esti nur negativaj ecoj, ekzemple malamo al aliaj nacioj, antaŭjuĝoj, manko de solidareco, k.t.p., sed la vere pozitivaj ecoj restas eĉ purigitaj.

*Edm. P.*

## Amerikana sprito

*— Kun la ruĝa danĝero, la flava danĝero, la bluaj leĝoj kaj la nigrula problemo ni ja vivas en tre kolora mondo.*

*— Faktoj foje estas maloportunaj, kun statistikoj oni povas almenaŭ sin aranĝi.*

*— La malnova aŭtomobilo de Lindbergh estas nun en la muzeo. La malnova aŭtomobilo de fama viro ludas hodiaŭ proksimume la saman rolon kiel iam la kabano, en kiu kutime naskiĝis fama viro en la pasinteco.*

*— Cetere kaj fine : Ĉiuj rekord- kaj oceanflugantoj volas alteriĝi je — la unua paĝo de la gazetoj.*

*— Edison opinias, ke la homoj povus ĉiutage manĝi la samon. — Tiu-ĉi inventisto laŭ nia opinio estas destinita de la providenco, malfermi pensionon.*

##  NOTOJ 

*Pola Nacia Ekspozicio.* — Okaze de la dekjara datreveno de la liberiĝo, Polujo aranĝas dum 1929 Nacian ekspozicion Ĝi estos en Poznan, la ĉefa loko en okcidenta Polujo. En la tuta lando oni klopodas igi tiun manifestacion tiom kompleta kiom eble. La ekspozicio enhavos ĉiun branĉon de nacia kulturo, materiala kaj spirita. Specialaj sekcioj por arto, sociala antaŭzorgo, sporto, etnografio, geografio kaj geologio estas planataj. La ekterlandaj poloj ricevos specialan pavilonon por elmontri al la hejmlando sian laboron en la fremdlando. La protekton de la ekspozicio akceptis la prezidanto de la respubliko kaj marŝalo Pilsudski estas en la honora komitato.

*Fremdula Trafiko en Kanado.* — Surprize evoluis la trafiko fremdula en Kanado. 1914 estis nenia fremdula movado en tiu-ĉi tiom riĉe dotita lando. Dum la militjaroj kiam la vojaĝoj al Eŭropo preskaŭ ĉesis, venis multaj vizitantoj el Norda Ameriko. En 1919 venis el Usono 238.000 aŭtomobiloj, 1926 jam estis 2.000.000. La Statistika Oficejo en Kanado taksis la sumon de la enspezoj el tiu-ĉi trafiko je ĉirkaŭ 190 milionoj da dolaroj. Tiu-ĉi enspezo de la lando estas superata nur de la eksporto de l'tritiko.

*Fredrikshald = Halden.* — Laŭ decido de la norvega parlamento la urbo Fredrikshald nomita laŭ reĝo Frederiko III de Danlando, ŝanĝis la nomon en H a l d e n. La urbo estis lima fortikaĵo kontraŭ Svedlando kaj estis antaŭ ĝiaj muroj, ke mortis ĉe sieĝado la fama reĝo sveda Karlo XII en la jaro 1718.

*La paĝia frizaĵo en Orienta Azio.* — De Manila ĝis Harbin, de Bombay ĝis Tokio oni batalas pri tio ĉu decas mallongaj haroj por la virino kaj longaj por viro. Preskaŭ ĉiu leĝdona povo jam sin okupis pri tiu-ĉi — grava — problemo kaj ŝajnas, ke la moderna direkto malvenkis. Speciale rimarkinde estas Japanujo, kie la polico ĝenerale konsideras, ke virino kun mallongaj haroj estas malmorala kaj junulo kun ondantaj haroj estas tutcerte « bolŝeviko ». En Ĉinlando kaj sur la Filipinoj oni fiksis imposton por la portantintoj de la paĝia frizaĵo. La nova harmodo perdis multe ĉe la japana virinaro tuj, kiam la japanaj filmaktorinoj revenis al la antaŭa modo. Sed tiu-ĉi paŝo ne okazis libervole. La plej grava filmkompanio japana maldungis senceremonie ĉiujn aktorinojn kiuj portis mallongajn harojn. La kompanio nur akceptas aktorinojn kun longaj haroj. Al tio venis la agado de la polico kiu severe persekutis la — mallongharulinojn — kaj de ili postulis pruvon de nepra moraleco. Ĉe longharaj junuloj oni ankaŭ ne longe atendis se ili ne preferis sekvi la deziron de la polico.

En Manĝurio la lernejoj deklaris la militon al la paĝia frizaĵo. Ekzemple en la Supera lernejo de Kirin oni forpelis 40 knabinojn pro ĝi. Aliaj klopodis por reatingi longan hararon. En Mukden oni eligis 200 lernantojn ĉar la haro estas tro longa. Ne sekvinte konsilon fortondigi la harojn oni alprenis tiun severan decidon.

Vivu la persona rajto decidi pri si mem !

*La virina polico en Germanlando.* — Nuntempe ekzistas en Germanujo 77 policaninoj inter ili 50 en Prusio, nome en Frankfurt am Main, Berlin, Köln, Essen, Hannover kaj Magdeburg. Ili ne portas uniformon sed kontroliras en la stratoj. Ili estas postulataj en deliktaj kazoj de virinoj kaj infanoj, speciale de la primorala polico. Ili ankaŭ sin okupas pri la helpo al mizerulinoj aŭ pri virinoj en danĝero je morala vidpunkto.

Estas akceptataj en tiu-ĉi polico nur virinoj kun dekjara licea aŭ samvalora eduko plie du jarojn de vizito en sociala lernejo virina kaj almenaŭ unu jaron de praktika laboro sociala kaj fine praktikon en la polica agado. Laŭrange ili estas samrajtaj kiel la policanoj. En Dresden estas ses policaninoj uniformitaj kaj kun la rajto aresti, plie dekdu en Baden (Karlsruhe, Mannheim, Heidelberg kaj Freiburg) kiuj estas uniformitaj kaj samrangaj kun la viraj policanoj.

# LITERATURO

## Antaŭ la ventego

de *Thomas Hardy*,
la fama angla verkisto jus mortinta.
(El la romano: *Far from the Madding Crowd*.)

---

« Sinjoro Troj diras, ke ne pluvos, respondis la sendito, kaj li ne povas halti por paroli kun vi pri tiaj bagateloj. »

Male al Troj (la nova mastro) Oak (la paŝtisto) havis melankolian tendencon aperi kvazaŭ kandelo apud gaso kaj, malkviete, li denove alvenis pensante, ke li irus nun hejmen ; ĉar en tiaj cirkonstancooj li havis neniun emon al la sceno en la grenejo. Ĉe la pordo li ekhaltis momenton ; Troj estis parolanta : « Amikoj, ne nur la rikoltan hejmon ni festas hodiaŭ nokte, sed ankaŭ edziĝon. Antaŭ nelonge mi havis la feliĉon konduki al la altaro la jenan sinjorinon, vian mastrinon, kaj ĝis nun ni ne povis doni eĉ iom da brilo al la okazaĵo en Weatherbury. Por ke tiu fariĝu nun plene bone kaj por ke ĉiu homo iru feliĉa al lito, mi mendis ĉi-tien kelkajn botelojn de brando kaj kruĉojn de varm'akvo. Trioble fortan pokalon oni enmanigos al ĉiu gasto laŭvice. »

Batŝeba (la edzino) metis sian manon sur lian brakon kaj kun levata vizaĝo pala diris petege : « Ne-ne donu ĝin al ili, mi petas, ne donu, Franĉjo ! ĝi nur malutilos al la homoj ; jam sufiĉon ili havis el ĉio. »

« Vere, ni ne deziras ion plu, dankon al vi ! diris unu aŭ du. »

« Fi ! » diris malŝate la estro kaj plilaŭtigis la voĉon kvazaŭ lumigate per nova ideo, « amikoj », li diris, « ni sendos la virinaron hejmen ! Estas tempo ke ili estu en lito. Tiam ni, virkokoj, ĝuos gajan amuzon inter ni ! Se iu el viroj montras *la blankan plumon*, li serĉu laboron aliloke por la vintro. »

Indigne Batŝeba forlasis la grenejon, sekvate de ĉiuj virinoj kaj infanoj. La muzikistoj, ne enkalkulante sin en la « societo », trankvile elŝteliĝis al sia vagono kaj alligis la ĉevalon. Tiel Troj kaj la viroj de la farmo restis solaj okupantoj de la loko. Oak, por ne ŝajni malafabla, restis iometon da tempo ; poste li ankaŭ stariĝis kaj trankvile foriris. Lin akompanis amika ĵuraĉo de la estro, ĉar li ne volis atendi duan vicon de drinko.

Li marŝis al sia hejmo. Alproksimiĝante al la pordo lia piedo tuŝis ion, kio sonis kaj sentiĝis mola, leda kaj elasta kvazaŭ boksa ganto. Estis granda bufo humile trapasanta la vojon. Oak prenis ĝin pensante, ke pli bone li mortigu la beston por ĝin savi el sufero ; sed li trovis ĝin nevundita kaj remetis en herbon. Li sciis kion signifis tiu rekta averto de la Granda Patrino. Baldaŭ venis alia.

Kiam li ekbruligis lumon interne, aperis sur la tablo mallarĝa brilema striaĵo kvazaŭ pentra brosileto estus malpeze trenita de unu flanko al alia. Liaj okuloj sekvis la serpentuman brilaĵon trans la tablo ĝis ili atingis egan brunan limakon, kiu envenis internen hodiaŭ nokte pro kaŭzoj propraj. Estis la dua signo ; per kiu la Naturo avertis lin, ke li devas pretiĝi por veteraĉo.

Oak sidis pripenseme dum preskaŭ unu horo. Dum tiu tempo du nigraj araneoj el la speco kutima en pajlokovritaj domoj promenadis sur la plafono kaj fine deglitis al la planko. Tio lin memorigis, ke unu specon da signoj pri tiu temo li plene komprenis, nome la instinktojn de ŝafoj. Li forlasis la ĉambron, kuris trans du aŭ tri kampoj al la ŝafaro, suprenrampis barilon kaj rigardis la bestaron.

Ili staris kune kaj amase ĉe la alia flanko ĉirkaŭ uleksaj arbetoj kaj la unua rimarkindaĵo observebla estis tio, ke ili ne moviĝis aŭ forkuris kiam ekaperis subite lia kapo super la barilo. Nun regis ilin teruro pro io pli grava ol la teruro pro homo. Sed eĉ ne tio estis la plej notinda : ĉiuj are staris en tia maniero, ke iliaj vostoj estis senescepte turnitaj al tiu parto de la horizonto el kiu minacis la ventego. Estis interna rondo de kunpremitaj ŝafoj kaj el ĝi aliaj disradiis pli apartigite : La ŝafaro formis kvazaŭ desegnon ne malsimilan al tiu de flandra punta kolumo, el kies mezo elstaris la grupo de arbetoj kvazaŭ la kolo de persono.

Tio sufiĉis por lin refirmigi en lian unuan opinion. Li nun sciis, ke li estas prava kaj Troj malprava. Ĉiu voĉo en la naturo unuanime antaŭdiris ŝanĝon. Sed du apartaj tradukoj aldoniĝis al tiuj mutaj esprimoj. Verŝajne estos fulmo-tondro kaj poste malvarma daŭra pluvo. La rampaj bestoj ŝajne sciis ĉiom pri la posta pluvo sed malmulte pri la intertempa fulmo-tondro ; dume la ŝafoj sciis ĉiom pri la fulmo-tondro kaj neniom pri la posta pluvo.

Oak revenis al la grenejo klopodonte ricevi ian helpon por savi la rikolton tuj. Ĉio estis silenta interne, kaj li jam preterpasus kredante ke la kunveno disiĝis, se ne elbrilus tra lignotruo en la faldopordoj eta lumo, flava kiel safrano kontraste kun la verdema banko ekstere.

Li enrigardis. Stranga vidaĵo kaptis la okulon.

La kandeloj pendigitaj inter la verdaĵoj jam forbrulis ĝis la ingoj kaj eĉ ialoke la ĉirkaŭaj folioj ankaŭ ekbruletis. Multaj el la lumoj tute estingiĝis, aliaj fumis kaj odoraĉis ; la graso defalis sur la plankon. Tie sub la tablo, apogate je formoj kaj seĝoj en ĉiaj imageblaj sintenoj escepte vertikale, kuŝis la mizeraj personoj de la tuta falĉistaro kun la haroj de la kapo je tiel malalta nivelo ke ili pensigis pri skoveloj aŭ balailoj. Meze elbrilis ruĝe kaj aparte la figuro de serĝento Troj, sidkuŝanta en seĝo. Coggan kuŝis sur la dorso kun la buŝo malfermita elzumante ronkojn same kiel pluraj aliaj ; la unueca spirado de la horizontala amaso formis mallaŭtigitan muĝadon, kiel

onas Londono el malproksime. Jozefo Poorgrass estis kunstreĉita ronde kvazaŭ erinaco, verŝajne en klopodo prezenti kiel eble malplej grandan parton de sia supraĵo al la aero ; kaj malantaŭ li estis apenaŭ videbla malgrava restaĵo de William Smallbury. Sur la tablo staris ankoraŭ glasoj, pokaloj kaj renversite kuŝis unu kruĉo, el kiu mallarĝa rivereto trafluis mirinde precize la centron de la longa tablo kaj falis en la kolon de la senkonscia Mark Clark per regula monotona gutado, kiel stalaktito en groto...

Ekstere lumo ekfajris sur la pejzaĝon kvazaŭ reflektite el fosforemaj flugiloj traflugantaj la ĉielon, kaj rulsono plenigis aeron. Estis la unua movo de la venonta fulmotondro.

La dua tondro estis brua kun kompare malmulta videbla fulmo. Oak ekvidis kandelon brilanta en la dormoĉambro de Batŝeba kaj baldaŭ ombro iradis kaj venadis sur la kurteno.

Tiam pafis tria fulmobato. Manovroj el plej stranga speco okazis supre en la ĉiela vasto. La fulmo nun fajris kun arĝenta koloro kaj brilegis en ĉielo kvazaŭ kirasita armeo. La rulado fariĝis pafado.

El angla trad. *Edmond Privat.*

---

## La koro de parenco

de *Julio Baghy*

(El « Dancu Marionetoj » laŭ afabla permeso)

---

Sur la stoplejo de la pasinteco mi ekiras por kolekti postlasitajn grenerojn. Ĉe la vojkomenco de la rememorado ekhaltante mi vidas min eta vigla knabo, portanta ĝisgenuan pantalonon, puntan kolumon kaj ludanta kun pafarko, farita el ŝindo, fleksita salikvergo. Miaj gepatroj estante geaktoroj tiutempe ofte vojaĝis de urbeto al urbeto por la ĉiutaga pano. La pano estis kelkfoje iom seka, iom senbutera, sed ĉiam per honesta laboro akirita.

Mia patro — ho, kiel mi timis liajn okulojn, nigre brilantajn — estis la reĝisoro kaj drama aktoro de la trupo kaj mia patrineto — vana penado revoki ŝian tiaman vizaĝon per mia rememorpovo — estis la sufloristino. La trupo vojaĝis per vagonaro aŭ per ŝipo, sed tre ofte per grandaj tendohavaj veturiloj tie, kie mankis alispecaj komunikiloj. Ĉi tiun lastan manieron mi trovis la plej agrabla, ĉar la apudveturila marŝado sur la montaj serpentvojoj, kolektado de la diverskoloraj ŝtonetoj (Jen, nun mi aŭdas la voĉon de mia patrino : « he, bubo, vi trouzos kaj denove truigos la poŝojn per tiuj ŝtonoj ») la afabla invitado de la veturigistoj, kiuj permesis al mi teni la rimenbridon aŭ metis min por kelkpaŝa rajdado sur la dorson de iu akvosanga ĉevaleto... do ĉio ĉi ŝajnis al mi eksterordinare interesa kaj aventura.

Foje, post tia vojaĝo, la trupo alvenis al Székelyudvarhely, urbeto transsilvania, kie mia patrino havis sian parencaron kaj mi bone rememoras pri la akceptado. La veturiloj haltis sur la vendoplaco, kie la urbestro kun la inteligentularo kaj multaj scivolemuloj kolektiĝis por solene akcepti la apostolojn de la lingvo aŭ kiel ili nomis sin — la taglaboristojn de la nacio. Okazis entuziasma « vivu »-ado. La geaktoroj saltis de la veturiloj viciĝis antaŭ tiuj kaj la urbestro, korpulenta grizhara viro, faris paroladon. Mia patro laŭdece respondis. Ĉiam li devis plenumi tiun taskon, estante la sola membro de la trupo, kiu havis gimnazian maturecon kaj ĉar la direktoro estis vera analfabeto, por kiu la edzino prelegis la rolojn kaj tiel li lernis ilin. Tamen li havis respektindan famon kiel aktoro. Tiutempe, antaŭ tridek jaroj, ne li estis la sola tia pratalento. Oni rakontis pri li, ke foje tenante gazeton por maski sian nescion li vidis ilustraĵon pri lokomotivo kaj ekkriis : « Jen denove fervoja akcidento ! » La gazeto estis renversita en la mano.

Mi sidis en la fundo de iu veturilo kaj de tie bonege mi povis vidi ĉion. Post la oficialaĵoj la protektemaj familioj dividis inter si la membrojn de la trupo por doni loĝejojn al ili kaj gastame regali ilin dum la kelksemajna restado... Jes ja ! Tiam la publiko estis plisincerkora, la geaktoroj pli idealistaj kaj ilia moralo... Sed ni ne parolu pri la nuno !

Mian patrinon... Interese, nun tute klare mi povas rememori pri ŝia tiama aspekto. Ŝi estis blondhara kun naturaj bukloj, havis profunde bluajn okulojn kaj kiel arĝente ŝi povis ridi ! Kara patrineto, por viaj lastaj jaroj nur tiu rido restis el ĉio kaj eĉ tiu kiel malofte eksonis... Nu, mian patrinon ĉirkaŭis aro da simplaj metiistoj, junaj maljunaj virinetoj kaj bruo de parenca gastameco zumis longe, longe. Demandoj, respondoj, invitoj, prezentado de nekonataj novaj familianoj. Ankaŭ min eltiris mia patro el la veturilfundo kaj baldaŭ la parencaj kisoj lavis mian vizaĝon polvokovritan — tute pura. Tiutempe mi ne tre ŝatis la kisadon kun virinoj, sed... sed ni ne parolu pri la nuno !

Nu, por rakonti ĉion per malmultaj vortoj, ni loĝis ĉe iu maljuna onklino kaj ĉiutage alia el la parencoj portis la plej bongustajn tag- kaj vespermanĝaĵojn al ni. Tiel ili regalis nin kun ĵaluza konkurado en la gastameco. Mi havis bonan ludkamaradon. La fileto — pli aĝa ol mi — de la onklino ĉiutage surprizis min per novaj artifikaĵoj. Jen li instruis kiamaniere oni povas elpreni la mielon de sovaĝaj abeloj el la kanoj de la kelotegmento, jen pri elsuĉado de la ovoj sen rompo, jen pri farado de fajfilo el freŝa salikbranĉeto, sed kiu povus rememori pri ĉio amuza, kion fari mi lernis de li. Tamen mi bone rememoras, ke mia plej ŝatata ludo estis la pafado per tiuj pafarkoj, kiujn li pretigis por mi. Mi desegnis per kreto grandan koron sur arbon kaj trafi ĝin estis mia plej granda ĝojo.

La malicaj langoj ofte kalumnias ke eĉ nun mi ĉiam celas la koron, sed... Nu jen, denove la nuno! Heŝŝ, ci malbela estanteco, nun pli belaj tempoj parolas!

Foje posttagmeze miaj gepatroj kaj mi sidis en la ĉambro. La patro lernis iun rolon aŭ faris reĝisoran scenarion, mi jam ne rememoras; la patrino flikis miajn ŝtrumpojn, ŝi ĉiam flikis por mi kaj mi ludis kun konstrukubetoj sur la planko ĉe la fenestro. Iu frapis la pordon kaj poste timene malfermis ĝin.

Altstatura virino, vestita en perkalaj jupo kaj bluzo, kun porfesta tuko sur la kapo, staris sur la sojlo. Ŝiaj trajtoj estis profundaj, viraj akre karakterizaj. Virinan mildecon nur en ŝia okulparo oni povis vidi. Mallaŭte, iom ĝenite ŝi parolis.

— Mi estus Agneŝo..., Agneŝo Botfay... la edzino de Davido... Davido Brodoghy... kaj ĉar ankaŭ mi estus parenco, mi pensis ja... estus dece, se mi venus kaj...

Mia patro tuj iris por kore akcepti ŝin kaj mia patrino kun ĉirkaŭpreno kondukis ŝin al apudtabla seĝo. La virino eksidis, tusetadis kaj serĉis la vortojn por la interparolado. Ŝiaj manoj kuŝis sur la genuoj. Grandaj, larĝaj manoj. Ĝis tiam mi ne vidis tiajn. Mi atentis nur pri tiuj manomonstroj dum mia patrino klopodis intimigi la situacion pri konvena pridemandado. La virino, kvazaŭ eĉ ne atentante pri tio, subite daŭrigis sian paroladon, komencitan ĉe la pordo, verŝajne tiel, kiel ŝi tion pripensis antaŭ ol veni ĉi tien.

— Kaj kiel parenco mi pensis, ke ankaŭ mi devus iamaniere montri mian amon al vi... Malfeliĉa Davido ne povis akompani min, ĉar li... por li estas tre malfacile iradi sur la stratoj, sed kiam onklino Lidia rakontis pri via alveno ni tuj decidis, ke almenaŭ mi vizitos vin por...

— Sed kio okazis al li? demandis mia patrino.

— Nu antaŭ du jaroj li perdis la vidpovon... Li havis ian malbonvolan furunkon ĉe la okuloj kaj... kaj eĉ la plastro de la maljuna kaj fama Rozalia Benko ne tre utilis kaj ĉiutage malfortiĝis liaj okuloj kaj fine li devis ĉesi la laboradon. De tiam liaj instrumentoj kuŝas orfe sur la tablo... Li ĉiam esperas, kvankam la kuracisto diris al mi, ke li vere blindiĝis kaj vidos neniam plu... kaj de tiam nur mi laboras por la pano. Jen mi riparas botojn, sed oni ne tre konfidas la virinan laboron en tiu metio, jen mi lavas la tolaĵojn de la gesinjoroj. Kiel lavistino mi havas jam klientaron... nu kaj tiel ni vivas... kaj mi pensis, ĉar mi estus parenco kaj ĉar ankaŭ la aliaj tiel faras, ke estus dece viziti vin... kaj ĉar ankaŭ ni dezirus montri nian amon, tial mi venis do por peti vin... donu vian tolaĵon kaj mi lavos ĝin senpage... Jen tiel!...

Tiam mi ne komprenis kial fariĝis subita korprema silento, kial mia patro kun forte kunpremitaj lipoj turnis sin al la fenestro kaj kial aperis larmoj en la okuloj de mia patrineto... Nun mi jam komprenas tion.

---

# TRA LA LIBRARO

**Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. La eldonaĵoj estas bibliografie notataj en la rubriko « Novaj libroj ». Sub titolo: « Tra la libraro » aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.**

---

*La Reformanto. — Kvardek Jaroj. — Teozofio. — Lernolibroj. — Diversaĵoj.*

Rimarkinda fakto estas, ke dua eldono de la biografio de S. Francisko, *la Reformanto*, de P. Modesto Carolfi, estis bezonata. La unua aperis, unu jaron pli frue, por soleni la sepjarcentan datrevenon post la morto de la sanktulo el Assisi. Tiun duan eldonon antaŭiras averta noto de F. Pizzi kaj ĝin ornamas dekduo da interesaj bildoj. Sed kio restas nekomprenebla estas, ke oni ne klopodis korekti tro multajn lingvoerarojn; jam ĉe la unuaj paĝoj vundas la leganton « lia, halti, voki » anstataŭ « sia, haltigi, nomi », verboj kun malgusta tempo, k.t.p. Ĉu, ĉar recenzantoj pro ĝentileco ne ĉion tion akre riproĉis la unuan fojon, oni esperas ĉiaman indulgon? Tiuj mankoj estas despli bedaŭrindaj, ke per si mem la verko estas interesa kaj valora.

---

Sub titolo *Kvardek Jaroj* SAT eldonis jubilean broŝuron riĉenhavan, kun deko da originale verkitaj artikoloj. Mi flankenlasu oftajn aludojn al partieco de l'mal-SAT-aj esperantistoj, kritikojn kontraŭ UEA, aŭ tiun mallarĝan konvinkon, ke ekster SAT a movado povas esti nenio bona. Ni nur rigardu la sciencajn partojn: interesaj estas la studo pri situo de Esperanto en lingvoscienco, la provo statistike ekkoni la relativan oftecon de radikoj kaj helpvortoj, afero tre utila je instruada vidpunkto. Ankaŭ la ĉapitroj pri evoluo de l'nomata « interna ideo » kaj pri popoledukado prezentas interesajn partojn. Sed la polemika tendenco de multaj paĝoj ne decis en jubilea verko.

---

Per kelkaj paĝoj, tiom klaraj kiom permesas la temo, la broŝuro *Teozofio kaj ĝia doktrino* resumas la ĉefajn celojn kaj kredojn de unu provo kunigi religion, filozofion kaj sciencon. Sed aliĝo al tiu kredaro, ankaŭ metafizika, povas deveni nur de persona inklino, ne racie pravigebla, do ekster kritiko. (Kial uzi samtempe « evoluo » kaj « evolucio »?).

---

Novan lernolibron dediĉatan al instruado en lernejoj de Aŭstrujo: *Esperanto Lehr- und Lesebuch*, verkis S-roj Casari kaj Scheibenreiter. Tre bona germanlingva enkonduko atentigas la instruantojn pri la uzata metodo. La libro mem, bele presita kaj eldonita, kun specialaj bildoj, konsistas ĉefe, kiel diras la titolo, el instru- kaj legotekstoj laŭgrade ordigitaj; per ili la gramatikaj lernaĵoj estas vice praktike prezentataj; ankaŭ pro tio, ke ili estas sence ligataj kaj temas pri la diversaj okazoj travivataj de du geknaboj dum lernejjaro, pruvas nediskuteblan pedagogian talenton; la rekta metodo tiel havas bonan bazon, dum tamen plej granda libereco estas lasata al la instruanto. Vortaro, kiu samtempe estas lerta tabelenhavo, kompletigas tiun tre rekomendindan instruilon.

*Det internationella spraket Esperanto*, de Paul Nylen, estas lernolibro por svedoj, kvazaŭ sveda eldono de la Zamenhofa Fundamento. Post propaganda kaj historia enkonduko kaj resuma gramatiko, ĝi donas la Ekzercaron

kaj la Universalan Vortaron, kiuj estas malnovaj, sed ĉiam bonegaj lerniloj.

Ankaŭ por svedoj oni aranĝis la *Esperanto-Kurso'n* unue verkitan de Vilho Setälä por finnoj. Ĝi estas aro da rakontetoj humoraj aŭ seriozaj, kun vorttradukoj kaj klarigoj en piedpaĝaj notoj.

*La Rapida Ekparoligilo de la Germana Lingvo per Esperanto* deziras alporti helpon al eksterlandanoj, ĉefe britoj, por vojaĝi kaj komprenigi sin en Germanujo. Post kelkaj gramatikaĵoj, ĝi konsistas el kolekto da frazoj pri la ĉiutaga vivo, en lingvoj Germana kaj Esperanta sur kontraŭaj paĝoj.

—

La traktaĵo de nia Akademia prezidanto *Pri Landnomoj* aperis en traduko por Japanoj. Urbo *Brno* eldonis kvarpaĝan gvidfolion. SAT presigis kvin brile koloritajn *poŝtkartojn*, kies alegorioj kaj tekstoj pruvas ke l'ruĝa stelo savos la verdan el pereo. Firmoj Rudolf Mosse kaj Heroldo de Esperanto eldonis novajn plenajn katalogojn de aĉeteblaj kaj aĉetindaj libroj. *G. S.*

15 Januaro 1928.

—

*E. Drezen. Za vseobsĉim jazykom, tri veka iskanij. S predislovijem Akademika N. J. Marra.* — Glavnauka NKP RSFSR. Gosudarstvennoje Izdatelstvo. Leningrad, 1928. (Presita je 2500 ekz.). 274 pp. + 1 tabelfolio, 23 × 15.

Jen estas kompleta verko pri mondlingvoj, kompilita de la prezidanto de Soveta Esp. Unio — S-ro Ernest Drezen — konata spertulo pri mondlingvoj. Ankoraŭ studento de Teknologia Alta Lernejo en Peterburgo — li pasie kolektis ĉion, kio iel rilatis al la mondlingva problemo, samtempe korespondante kun ĉefaj mondlingvistoj. Dum la milito li partoprenis en la societo « Kosmoglot », tiam tute neŭtrala vivigata ĉefe de esperantistoj. La circonstanco mem, ke S-ro Drezen loĝis en Petrogrado, helpis al liaj studoj pri mondlingvo, ĉar li profitis la bibliotekon kaj arkivon de la « Espero », societo fondita en 1891, kiu posedas unikan kolekton da leteroj kaj dokumentoj el la epoko 1887-1899. Ankaŭ en la Publika Biblioteko li trovis maloftajn presaĵojn por sia studado. Post tiu nia antaŭvorto — estas komprenebla la aserto ke la libro de S-ro Drezen estas « epokfaranta », almenaŭ por tiuj kiuj scias rusan lingvon. Kiam, en la Decembra numero de « Esperanto » aperis nia alvoko pri bezonata helpo al la bibliografia kompilado, kie ni diris ke jam 300 lingvoprojektojn ni registris, iu kontraŭesperanta mondlingva folio ironie rimarkis ke tiu nombro 300 ŝajnas esti nur blufo. Ni ne volis respondi al tiu provoko. Nun, la verko de S-ro Drezen citas 217 projektojn antaŭ Zamenhof, kaj 245 post 1887, entute 462 projektojn. Ne ĉiujn projektojn la aŭtoro povis havi sub la mano, kaj la limigita amplekso de la libro ne permesis detale ekzameni tiujn du aŭ tricent projektojn, kiuj ĝenerale estas konsulteblaj en Ruslando. Sed en la limoj de sia verko li faris ĉion eblan por prezenti detalojn pri unuj, larĝajn skemojn pri aliaj, karakterizajn trajtojn de la ceteraj projektoj. Male je la verko de L. Couturat kaj L. Leau, la rusa aŭtoro ne faras sekan, unutonan resumon de la mondlingva historio. Li rakontas, kritikas, laŭdas aŭ malaprobas, esprimas dubojn aŭ asertas, ĉio per flua, nuancoriĉa, emocia stilo. Kvazaŭ romanon legas la leganto, kies okulo estas ĉiupaŝe surprizata per la riĉeco de citoj, nomoj, jarciferoj, konkretaj ekzemploj, biografiaj rimarkoj, pseŭdonomoj senmaskataj, k.t.p. Tiu verko finpreta je la fino de 1927, t. e. precize 40 jarojn post la Unua Libro de Esperanto, estis la plej bela maniero honorigi la jubileon de nia lingvo. Al estontaj mondlingvistoj ĝi portos en resumita formo ĉion, kion ni povis scii gis hodiaŭ pri la historio de la mondlingvoj. De 80 lingvoj ekzamenitaj ĉe Couturat kaj Leau, ĝis 462, grandega paŝo, malgraŭ nur dudek jaroj de intertempo. Sed la plej valora parto de la verko estas sendube tiuj neniam ĝis nun konataj lingvoj kaj nenie ĝis nun publikitaj detaloj, kiujn malavare verŝis la aŭtoro, en sian vastan resumon. Pro tio ĉio ni devas danki al la aŭtoro, kiu havis kuraĝon penetri en la « Aŭgiaj Staloj » de la mondlingva literaturo por ĉerpi el ili la mirindan materialon por sia verko.

—

*V. G. Sutkovoj. Esperanto-Russkij slovarj.* Izdanie CK SERS. Moskva 1927 (Presita je 10.000 ekz.), 216 p. 15 × 11.

Kolekti amason da vortoj, ordigi ilin alfabete, kun la nacia traduko — tiel procedas amatoroj-vortarfarantoj, kiuj neniam lernis la metion de vortaristo. Nova ekzemplo de tia amatora vortaro, cetere simila al la plimulto de niaj vortaroj, estas ellaboraĵo de S-ro Sutkovoj. Ĝi enhavas 6.842 radikojn, kun proksimume 2.000 kunmetitaj vortoj. La teknika aranĝo de tiu poŝformata vortlibreto, sistemo de cifera notado de la radikoj, multaj novaj radikoj kun iliaj rusaj signifoj treege similas al la antaŭmilitaj rusaj vortaretoj kiujn devis koni la aŭtoro, sed kiuj ne estas cititaj en lia listo de fontoj. En ĝi, paralele kun la ekstera progreso : pli granda nombro da radikoj, ni konstatas internan malprogreson, « regreson » (vorto uzata en la vortareto), ĉar la semantika flanko tute ignoras ĉiujn akirojn pene faritajn antaŭ la milito kaj bonege prezentitajn en la unua serioze farita Esp.-Rusa vortaro de V. A. Dmitriev. Ekzemple, *vulturo* ne estas « korŝun », *timiano* ne estas « fimiam », *genoto* ne estas « enot », k.m.a. — kiel kopias la aŭtoro el la malnovaj vortaroj. Tiuj eraroj jam estis unufoje konstatitaj, akorde kun la konsilo de Zamenhof, kiun li donis en la antaŭparolo al la Fundamento, pri la erareco de kelkaj naciaj tradukoj. Do, por kio laboregis antaŭaj vortaristoj, zorge kontrolante ĉiun radikon, laŭ la semantika flanko, se postaj vortarkompilantoj komplete ignoras la jam faritan laboron, rekomencante kopiadon de malnovaj eraroj ? Inter la neoficialaj radikoj, alprenitaj en tiu ĉi vortareto, ni trovis : *aberacio* aberracija, *absciso* abscissa, *akrostiko* akrostiĥ, *atletiko* atletika, kaj mil aliaj de sama speco. Ni demandas : por kiu servas tio ? Kleruloj kiuj scias rusajn vortojn — « aberracija, abscissa, akrostiĥ »,... ne bezonas helpon de la aŭtoro por kompreni la esperantajn — aberacio, absciso, akrostiko, ... Laboristoj, nekleruloj, kiuj serĉus en la vortareto signifojn de nekompreneblaj esp. vortoj : *aberacio, absciso, akrostiko*... nenion utilan trovus en la same nekompreneblaj por ili : « abberacija, abscissa, akrostiĥ ». La instruo de V. A. Dmitriev, kiu brile solvis tiun leksikologian problemon, do restas vana, neekzistanta por la aŭtoro, kiu tamen imitas la eksteran flankon de la vortaro de Dmitriev. Alia balasto estas tro fakaj radikoj en la poŝa vortareto de la komuna lingvo: *abrotano, abutmento, bagno, begino, bestiala, cianata, ĉardo, ekvestra, funiklo, galgo, herdo, infiniteimo, kantiljo, langalo, maniso, nerio, paŭsi, rebo, sagelo, tonsilo, ureuso, vjelo, zostro*, kaj du mil aliaj samspecaj. Ni demandas en kiuj libroj, gazetoj, paroladoj, leteroj, oni uzis tiujn maloftaĵojn ? La malsano enkonduki monstrajn radikojn por esti « pli kompleta », por mirigi naivulojn ne estas nova inter ni, kaj S-ro Sutkovoj nur sekvas siajn antaŭulojn sur tiu glita vojo. El tiu amasigado nenion profitas la vortaruzantoj, solaj interesatoj pri kiuj devus zorgi la aŭtoroj.

*Samoučitel mejdunarodnogo jezyka,* pod redakciej E. K. Drezen. Gosudarstvennoje Izdatelstvo. Moskva. 1927 (4.000 ekz.), 104 p., 23 × 15. Nova praktika lernolibro, kun sistema frazaro legotekstoj kaj vortareto.

*Izvestija CK SESR. — Informilo de CK SEU.* Rusling-va 64-paĝa bulteno, fondita en 1923, adreso: Moskva, Poŝtkesto 630. Tiu dumonata oficiala organo de Soveta Esp. Unio estas dediĉita al ĝeneralaj problemoj de teorio kaj praktiko de Esperanto, en la instruo, lerno-propagando. Ĉe la fino estas aldonata lernokrestomatio kun klarigaj vortaretoj.

*Bjulletenj Sojuza Esp. Sovetskiĥ Respublik. Bulteno de Centra Komitato de Sovetrespublikara Esp. Unio. Moskva.* Ankaŭ dumonata, 16-paĝa, ĝi estas aldono al la supre nomita bulteno. La enhavo, parte en Esperanto, parte en la rusa, donas kronikon, statistikon, dokumentaron pri la movado en Sovetunio, kaj bibliografion.

*P. Stojan.*

## Prolegomeno

*N. Hohlov.*

*La lirikon mi ne kreas — min obsedas la liriko,*
*Ĉiunerve, ĉiusente, kvazaŭ birdon la aer',*
*Min allogas melodioj de la bela erotiko —*
*La muziko de la ĝuo la plej flama sur la ter'.*

*Mia muzo havas tenton de hurio paradiza,*
*Kun apenaŭ vualita viva karno el marmor',*
*Mian liron sonorigas iu dolĉa blovo briza,*
*Agordanta plej volupte ĉiujn histojn de la kor'.*

*Miaj strofoj volus vindi sveltajn formojn de Venuso,*
*La plastikon de statuoj de l' antikva kulta bel',*
*Bronzan nudon de la landoj, simbolitaj per lotuso,*
*Fantazian eldoradon de la ravo kaj fabel'.*

*Mian himnon al la karno — al patrino de l' spirito —*
*Kartas ĥore la plej lumaj anguletoj de l' anim',*
*Miajn sonojn naskas fulmoj de la krea amirito —*
*La mistero kaj embrio de la ritmo kaj la rim'.*

*Mia lingvo volus esti rita gesto, danca turno,*
*Esperanto, saturita per la maja florpolen',*
*Mia verso — mia ĝuo en kristale klara urno,*
*Monumento, postlasita sur la vojo el Eden'.*

## Tentado

*Raymond Schwarz.*

*Sur viaj lipoj nestas*
*De l'kisoj arda gento*
*Kaj plej frivole festas*
*La feston de la Tento.*
*Mi sentas jukajn brulojn*
*Kaj ... fermas la okulojn.*

*Hel-tinte trile glitas*
*De l'rido gaja gamo*
*Kaj sorĉe ĝi invitas*
*Al dolĉa lud' de l'amo.*
*Mi timas korŝancelojn*
*Kaj ... ŝtopas la orelojn.*

*Pri ĉarma ĝen' mensogas*
*Plej ĉaste ruĝa vango*
*Kaj kareseme logas*
*De l'brak' ebura blanko.*
*Mi mokas la principojn*
*Kaj ... kisas viajn lipojn!*




## Informa Bulteno n-ro I.

*Loka Kongresa Komitato:* Prezidanto: Oscar Van Schoor; Ĝenerala Sekretario: Fr. Schoofs; Gazetara Sekretario: Maur. Jaumotte; Loĝado fakestro: Gustave Vermandere; Somera Universitato: Marcel Roost; Membroj: Louis Ritschie; S-ino Elworthy-Posenaer.

*Fakoj:* Listo aperos en iu sekvanta bulteno.

*Adreso por leteroj:* 11, Kleine Hondstraat, Antverpeno.

*Adreso por telegramoj:* « Esperanto-Antverpeno.

*Aliĝiloj:* Disdonotaj pere de la Esperanto-gazetoj kaj de la naciaj asocioj. La komitato sendos al ĉiu kiu petos ĝin.

*Kotizo:* Por ĉiu kongresano senescepte: *35 belgoj* (175 belgaj frankoj, aŭ proksimume 125 francaj frankoj, 20 britaj ŝilingoj 21 germanaj markoj, 25 svisaj frankoj, 12.50 nederlandaj guldenoj, 5 usonaj doloroj).

*Pagoj:* per poŝtĉeko, per poŝtmandato, per bankĉeko, per monbiletoj en registrita letero. Ni akceptas nur belgajn, francajn, anglajn, germanajn, svisajn, nederlandajn kaj usonajn monbiletojn. — Ni preferas pagon per poŝtmandato aŭ per ĝiro al nia poŝtĉekkonto: *« 20-a Uuniversala Kongreso de Esperanto: N-ro 2027.24.— Bruselo ».* Senpera ĝiro al la kongresa poŝtĉekkonto estas farebla el Danujo, Luksemburgo, Germanujo, Nederlando, Sudslavio, Ĉeĥoslovakujo, Svislando.

*Kongresmarko, Kongrespoŝtkarto:* Ni eldonis artoplenan markon kaj belan propagandan poŝtkarton. Prezoj: po 1 belgo por 100 markoj, po 1 belgo por 50 poŝtkartoj. *Ĉiuj esperantistoj,* ankaŭ la nekongresanoj, aĉetu kaj uzu tiajn reklamilojn. Al la naciaj kaj lokaj societoj ni konsentas rabaton de 33 p. c., kondiĉe ke ili aĉetu iun grandan kvanton kaj prenu sur sin la disvendadon en sia teritorio.

*Ilustritaj poŝtkartoj pri Antverpeno kun historiaj notoj en Esperanto:* kolekto da 30 kartoj kostas 1 belgon.

*Donacoj:* La LKK volonte ricevos donacojn por helpi al la sukceso de la Kongreso.

*Blindula Kaso:* La LKK akceptos mondonacojn por subvencii partoprenon de blindaj samideanoj en la Kongreso.

*Somera Universitato:* La LKK prenis sur sin la organizon de la 4-a Somera Universitato. Detaloj aperos en proksima bulteno.

*Diversoj:* La koncernaj societoj aŭ personoj ekrilatu kun la LKK kiel eble plej baldaŭ.

*Fakaj kunsidoj:* La organizontoj bonvolu frue anonci siajn dezirojn. « Belga Esperantisto » (ankaŭ « Heroldo de Esperanto » — Red.) akceptos koncize redaktitajn komunikojn apartajn pri tiuj fakaj kunsidoj.

*Loĝado:* Estos dissendata aparta mendilo. Tamen jam nun ni donos kelkajn ciferojn por faciligi al la partoprenontoj la starigon de sia kongres-budĝeto:

*En hotelo:* Ĉambro sen matenmanĝo: Klaso A: Por unu persono: belgoj 4,00; por du personoj 7,00.
Klaso B: Por 1 persono belgoj 6.00; por du personoj 10,00.
Klaso C: Por 1 persono, belgoj 8,00; por du personoj 13,00.
*Klaso* D: Por 1 persono, belgoj 10,000; por du personoj 16,00 ktp.
*En privataj domoj:* Klaso E: Por 1 persono, belgoj 3,00.
Klaso F: Por 1 persono, belgoj 4,00.
Klaso G: Por 1 persono, belgoj 5,00.

La LKK faras la necesajn paŝojn por aranĝi loĝadon en kolegioj, pensionejoj, kaj aliaj similaj edukaj institutoj. Plie ĝi klopodos por disponigi en iu granda instrua instituto malmultekostajn loĝejojn: apartajn ĉambretojn kaj komunajn dormoĉambrojn por studentoj, knaboskoltoj kaj aliaj junuloj. Detaloj sekvos.

*Manĝoj:* Jen proksimumaj prezoj por: Matenmanĝo: de belgo 0,80 ĝis 1,60; Tagmanĝo: de belgoj 2,00 ĝis 4,00; Temanĝo: de belgo 0,80 ĝis 1.60; Vespermanĝo: de belgoj 2,00 ĝis 5,00.

*Pensiono tuttaga:* Loĝado, matenmanĝo, tag- kaj vespermanĝo. Diversaj prezoj. Nur kelkaj hoteloj akceptas tiun aranĝon. — Ni aldonu cetere, ke — se ekzistas kelkaj malfacilaĵoj por la loĝado en la somera sezono — por manĝado estas pli ol granda kaj tre varia okazo.

*Laŭleĝa imposto en hoteloj kaj restoracioj:* 10 p. c. reprezentata per markoj sur la fakturo.

*Trinkmono:* La kutimo estas, doni 10 p. c. en hoteloj, restoracioj, kafejoj, kukejoj. Minimume oni donas 25 centimojn (belgon

0,05). — Kelkaj hoteloj enskribas tiujn 10 p. c. da trinkmono sur la fakturo.

*Kongres-Insigno:* La LKK organizas internacian konkurson por la kongres-insigno. Ĝi dediĉos por tiu konkurso la jenajn premiojn: *belg. 40,00, 30,00, 20,00 kaj 10,00* da Esperanto-libroj.

La konkursantoj havigu antaŭ la 15-a de Majo 1928 koloritan skizon duoble pli grandan ol la realaj dimensioj de la projekto. Ili indiku la uzotajn materialojn kaj subskribu per devizo. En aparta fermita koverto, kiu portas ekstere la devizon, ili metu bileton kun siaj ekzaktaj nomo kaj adreso.

*Fervoja rabato:* Laŭ kutima regulo la Nacia Societo de Belgaj Fervojoj konsentas rabaton de 35 p. c. je la ordinara prezo de la biletoj por ĉiu kongresano individue, kiu ĝustatempe ricevos specialan rajtigilon por aĉeti sian rabatbileton: a) de la enira limstacio belga al Antverpeno; b) de Antverpeno al la elira limstacio. Je konvena momento ni petos de ĉiu kongresano la necesajn informojn por organizi tiun servon.

*Pasportvizo:* Laŭbezonaj informoj sekvos.

*Koncerto:* La LKK danke ricevos kaj zorge konsideros ĉiujn proponojn pri deklamo, kanto aŭ ludo ĉe la internacia koncerto.

*Informpetoj al la LKK:* La petantoj de informoj bonvolu aldoni afrankkompenson por la respondo (poŝtan aŭ UEA-respondkuponon).

*Literatura Konkurso:* Sub la nomo « Esperantista Literatura Landjuvelo » la LKK organizas internacian literaturan konkurson. Ni faras alvokon por ke ĉiuj esperantistaj eldonejoj, gazetoj, naciaj kaj fakaj societoj, kaj plie ĉiuj artamaj samideanoj aliĝu premiojn kaj difinu temojn.

Povos partopreni en la konkurso ĉiuj esperantistoj. La manuskriptoj devos alveni ĉe la LKK antaŭ la unua de julio. Ili devos porti la numeron de la konkurso kaj devizon. Tiuj informoj estos ankaŭ skribitaj sur fermita koverto, kiu enhavos la nomon kaj adreson de la verkinto.

*Karavanoj:* La organizantoj de karavanoj estas petataj sin anonci kiel eble plej frue. « Belga Esperantisto » (ankaŭ « Heroldo de Esperanto » — Red.) publikigos koncizajn informojn pri iliaj arangoj.

Ĝis nun estas anoncitaj du karavanoj:

1. El Grandbritujo, kun koncentriga loko Harwich, de kie la partoprenontoj per speciala ŝipo veturos al Antverpeno. Aranĝanto: Brita Esperantista-Asocio, 142 High Holborn, London W. C. 1.

2. El Germanujo (koncentrigaj lokoj: Berlin: Köln, Stuttgart). Aranĝanto: Firmo Mosse, Esperanto-Fako, Berlin SW. 19.

*Antaŭ- kaj Postkongresoj:* Organizantoj havigu al ni mallonge redaktitajn informojn kun praktikaj detaloj, por gvidi la eblajn partoprenontojn.

## Informa Bulteno N-ro 2

*Kotizo:* 35 Belgojn. — Kongresanoj, kiuj alkondukas sia(j)n infano(j)n ne pli aĝajn ol 14 jaroj, pagas por ili nur po 5 Belgoj.

*Donacoj:* Ĝis nun ricevita sumo: Belgojn 37,50.

*Blindula kaso:* Ĝis nun ricevita sumo: Belgojn 6,00.

*Fakaj kunsidoj:* Anoncis sin por organizo de faka kunsido: « Internacia scienca Asocio Esperantista », aranĝanto: S-ro Rollet de l'Isle, ĝen. sekr., 35, rue du Sommerard, Paris (5e); « Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio », aranĝanto: S-ro P. Kempeneers, ĝen. sekr., 20, rue aux Laines, Bruselo.

*Pasportoj kaj vizo :* Ne bezonas pasporton por vojaĝi al Belgujo: la francoj, la nederlandanoj kaj la luksemburganoj. Ili nur devas havi identeckarton.

Bezonas pasporton sed neniun vizon: la britoj, danoj, hispanoj, islandanoj, italoj, svedoj, norvegoj, svisoj, kanadanoj, kubanoj, finnoj, japanoj kaj la loĝantoj el okupata parto de Germanujo. — Ĉiuj aliaj nacianoj bezonas pasporton kun Belga vizo, pri kies kosto ili dolu peti informojn ĉe la Belga konsulo de sia loko. Ni klopodas senpagan aŭ rabatprezan vizon.

*Oficialaj kunvenoj:* Pri ĉio kio koncernas la tagordon de la oficialaj kunvenoj de la kongreso oni bonvolu senpere skribi al « Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado », 12, boulevard du Théâtre, Genève (Svislando).

*Radio:* La radio-amatoroj aŭskultu ĉiun lundon je 22 h. 15 (V. T.) la stacion « Radio-Belgique » (ondlongeco 508.50), kiu sciigos la lastajn novaĵojn pri la kongreso.

### Laŭnacia Statistiko de la aliĝintoj

Angloj 58, Aŭstroj 2, Belgoj 50, Ĉeĥoslovakaj 4, Dano 1, Danzigano 1, Finlandano 1, Francoj 15, Germanoj 16, Hispanoj 5, Irlandanoj 3, Italoj 2, Kroatoj 3, Nederlandanoj 16, Perso 1, Poloj 5, Saarteritoriano 1, Skotoj 8, Svisoj 5, Usonanoj 3. — *Entute 200.*

Nacioj reprezentataj: 20. *Loka Organiza Komitato.*

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro *Bela Spitzer,* del. de UEA en Subotica, S. H. S.

S-ino *Rasia Malinberg,* patrino de nia ano Szymon Malinberg, en Varsovio.

S-ro *Fernand Lageste,* DM de UEA kaj delegito en Dax (Francujo, Landes).

S-ro *Johano Schröder,* eminenta pioniro de nia movado en Aŭstrio, 59 jara, la 13 Januaro. Li estis la iniciatinto de l'Esperanto-movado en Wien. Post fondo de « Esperanto Klubo Wien » (1902), li estis ĝia prezidanto kaj poste honora prezidanto de « Unua Esperanto-Unuiĝo en Wien ». Ankaŭ la antaŭmilita « Ligo de germanlingvaj esperantistoj en Aŭstrio », elektis lin kiel prezidanton. Schröder vizitis jam la unuan kongreson en Boulogne-sur-Mer, kie li estis proponita kaj poste elektita en la « Lingva komitato »-n. Ankaŭ en la katolika Esperanto-movado ludis Schröder gravan rolon. Kunlaboranto de ilustr. gazeto *Neuigkeits-Weltblatt,* li propagandis en ĝi per regulaj artikoloj. Li estis ankaŭ dum multaj jaroj redaktanto de « Informaj Raportoj », poste « Germanaŭstria Esperantisto » kaj de « Espero katolika ». En tiuj revuoj aperis de li tre bonstilaj artikoloj kaj tradukaĵoj. Schröder gvidis multajn kursojn, verkis bonegan metodan lernolibron kaj eldonis la tradukon de la drama verko de Schnitzler « La Verda Kakatuo ». Lia cetera funkciado estis la prezidanteco de LKK-Wien (1924) kaj lia lasta la membreco de la ŝtata ekzamen-komisiono por Esperanto. Baldaŭ post la XVI. kongreso lia sanstato devigis lin forlasi la laborkampon kaj en la lastaj monatoj eĉ sian profesion okupon. La esperantistaro ne nur en Wien kaj Aŭstrio, sed ankaŭ en la eksterlando bone konis la ageman kaj fidelan samideanon Schröder. Ni ĉiuj funebras pro la perdo de tiu bonkora, purkaraktera kaj altŝatinda viro.

La entombigo okazis la 16 Januaro. Multaj samideanoj ĉeestis. Ĉe la tombo parolis profesoro D-ro Jockl en la nomo de la ŝtata ekzamen-komisiono por Esperanto, S-ro Steiner en la nomo de la Aŭstria esperantistaro kaj S-ro Chiba de la katolika ligo. Majoro Sinner, prezidanto de Unua Esperanto-Unuiĝo diris la lastajn adiaŭajn vortojn kaj metis florkronon sur la ĉerkon de la meritplena mortinto. — Li ripozu en paco !

F-ino *Ester Chavkin,* 20 jara, filino de nia delegito en Jerusalemo, S-ro N. Chavkin.

S-ro *Otto Flatauer,* direktoro kaj posedanto de du privataj komercaj lernejoj en Berlin, neatendite mortis 48 jara, 4-1-28, pro grava pulminflamo. Antaŭ kelkaj jaroj li komencis okupi sin pri Esperanto pro celoj nure praktikaj, sed baldaŭ lin ekkaptis la alta ideo de la Esperantismo tiel forte, ke li fariĝis fidela kaj sincera disĉiplo de D-ro Zamenhof.

La mortinto enkondukis Esperanton kiel laŭplanan fakon en siajn lernejojn. Efike li propagandis publike, per artikoloj en gazetoj precipe en *Berliner Tageblatt.* Li iniciatis per la aktoroj Rickelt (Berlin) kaj Gémier (Paris), krei mondoteatron per Esperanto. Nur malmultaj komprenis, kion la mortinto signifis por nia movado, nacia kiel internacia. Ni, kiuj persone konis lin kaj sian laboron scias, ke la perdo ne estas riparebla; ni konservos al li fidelan memoron. Dormu pace, ni neniam forgesos vin! (A. Schwarz.)

 LA PAĜO DE L'PRAKTIKULO 

# La Foira Reklamo

La postmilita epoko distingita per la ekonomia ĥaoso, la neklara situacio politika, kaj la ĉiuspecaj efikoj de la reciproka malfido favoris ekstreme la restarigon aŭ plifortigon de regula okazaĵo : Komerca Foiro. Efektive grandaj foiroj ja ekzistis antaŭe ; Leipzig ĉiujare altiris milojn da interesuloj, sen ke oni speciale tion atentis ekster tiu-ĉi urbo. La bezono centrigi specimenojn el la enlanda industrio, por faciligi la konstaton kaj trovon de bezonataj varoj favoris dummilite la restarigon de florinta foiro mezepoka en Lyon. Konstati ĝis kia grado sana pronacia sentimento partoprenis en tiu-ĉi refondo, ne estas nia tasko. Certe estas, ke la kreskinta memfido de la Franca popolo influis tiun restarigon. Ni memoru, ke ĝin instigis plej energie, ministro Ed. Herriot tiama urbestro de Lyon.

La foiro konata kiel plej malnova estas tiu de Niĵni-Novgorod en Ruslando. En Eŭropo, dum mezepoko Frankfurt am Main ricevis privilegion por foir-organizo. Sekvis al ĝi Leipzig kaj aliaj urboj. Frankfurt a. M. kaj Leipzig funkciadis dum kelkaj jarcentoj. Antaŭ 50 jaroj Frankfurt ĉesis, Leipzig daŭrigis kaj per tio fariĝis moderna kaj plej konata foiro de Eŭropo. Ĝi ankaŭ okazis limigite dum la milito. Post la milito, kiam krudmaterialoj estis urĝe bezonataj, Frankfurt reprenis sian malnovan foiran tradicion kaj organizis la unuan Internacian Foiron por Importo. Ĝi bonege sukcesis kaj certigis la reorganizon de foiro laŭ nova principo de koncentrigo de la specimenoj sur unu sola tereno. Tiu metodo estis celdonanta kaj ĝia sukceso postsekvigis la kreon de moderna foirismo. La daŭrigo de la Frankfurta foiro kondukis al forta konkuro inter Frankfurt kaj Leipzig. Aliloke kaj en eksterlando simile aranĝitaj foiroj organiziĝis. Intertempe la signifo de multaj foiroj senteble reiris. Kelkaj el ili pro necesa raciigo fariĝis special-foiroj por certaj merkatoj. Tiu evoluo ankoraŭ daŭras. Estas rimarkinde, ke en tiu evoluo siamaniere partoprenis ankaŭ Esperanto.

Post tiu-ĉi necesa ekskurso historia ni venu al la praktiko. Por konatigi al interesulo la konsiston de la foiro necesas reklamo. Enlande tio estis simpla afero. Internacia reklamo atinganta publikon ĉiulandan jam malfacila, ĉiuokaze kosta. Malhelpis ankaŭ la lingva varieco almenaŭ por la tielnomata individua propagando per artikoloj en gazetoj k.t.p. Tie Esperanto ja povus helpi, pensas eruditoj. Kaj vere ĝi povis kaj povas.

Jam dum la milito la foiro de Leipzig eldonis katalogon en Esperanto, indikantan la varojn elmontratajn. Sed la vera instiganto kaj puŝanto fariĝis la foiro de Frankfurt am Main, dank' al invito de la loka grupo esperantista dissendi esp. reklamilojn. Organizis tiun laboron Robert Kreuz kaj prave oni povus lin nomi — la patron de la Foira Reklamo per Esperanto. — Tre modesta estis la komenco kaj riĉa la efiko. La metodo de la propagando per Esperanto iom diferencas kaj valorus, montri tion. Plej efika estis la diskonigo de mallongaj sciigoj en naciaj gazetoj per la helpo de la Delegitoj de UEA, dissendo de reklamiloj per la esp. gazetaro, disdono de nacilingvaj reklamiloj al komercistoj per la Delegitoj de NEA, anoncoj en la esp. gazetaro kaj presaĵoj.

Tiu-ĉi vasta klopodado sukcesis. Videble influita, aliaj foiroj faris same kaj longa vico da ili ekuzis la servojn de nia lingvo kaj organizo. Ne forgesite estu ke dank'al la adresaro de Delegitoj en la jarlibro de UEA la propaganda laboro faciliĝis. Basel, Bratislava, Budapest, Barcelona, Helsinki, Lyon, Lwow, Malmoe, Milano, Ljublana, Lisboa, Reichenberg-Liberec, Padova, Trieste, Paris, Valencia, Vieno, Zagreb k. a., eldonis reklamilojn en Esperanto kaj uzis la eblecon propagandi en la internacia lingvo. Starigis konstantan fakon de Esperanto la foiroj de Frankfurt, Leipzig kaj Lyon. Ĉe la aliaj la esp. laboro estas pli malpli efemera ĉar mankas certaj premisoj.

Kian utilon havas nia afero de tiu-ĉi uzado de la lingvo ? Ne parolante pri la morala profito kiun Esperanto eltiras kiel ilo, ni citu la tre gravan riĉigon de nia faka lingvo. Miloj da esprimoj fiksiĝis. Kaj kiaj ? Nu, neniaj filozofiaj, neniaj beletristikaj, neniaj abstraktaj sed sobraj utilaj kaj bezonataj vortoj de l'komerco kaj industrio. Tiu-ĉi detalo fakte tute ne atentita de ni mem, estas pozitiva gajno. Tiuj varlistoj (kaj estas tiuj de la Frankfurta Foiro) troviĝas en dikaj manlibroj, presitaj ne je du aŭ trimil sed je centkvindekmil (150.000) ekzempleroj po eldono kaj uzataj de komercistoj estas tiom grava fakto, ke necesas ĝin rememorigi. Komparante tiujn eldonaĵojn oni konstatas sinsekvan pliboniĝon, ne nur laŭ enhavo sed ankaŭ je teknika aranĝo. Pri la faka terminaro en Esperanto vidiĝas la lingva evoluo kaj la kreskanta riĉeco de la vortmaterialo.

Ĉu ni danku ? Kaj al kiu ? Unue al la Foiroj kaj senescepte ĉiuj, elspezintaj monon, ja multan monon por tiu-ĉi propagando. Due al la nekonataj soldatoj de nia afero kiuj plenumis tiun laboron, preskaŭ ĉiam ekster ilia okupado kaj senpage. Per ilia laboro ni disponas aktivaĵon uzeblan de ĉiu lertulo.

La Foiroj ankoraŭ grandskale uzantaj nian servon estas do Frankfurt, Leipzig kaj Lyon. Ili estas plene aranĝintaj la laboron per Esperanto, instalinte fakon daŭre funkciantan. Pri la aliaj foiroj ni menciu ke Reichenberg-Liberec eldonas de tempo al tempo reklamilojn ; Budapest ekkomencis per afiŝoj kaj invitiloj. Kion ni faru por akceli tiun nepre interesan flankon de nia agado? Unue gravas konservi la fidon de la ĉefaj. Kiel ĝin konservi ? Unue necesas kompreni ke Internacia Foiro ne uzas Esperanton por plaĉi al ni, sed nur pro realaj kaŭzoj. Sekve evitu ĉion, kio povus ridindigi nian tutan aferon kaj per ĝi malsukcesigi tiun specialan klopodon. Okaze de serioza demando pri io komerca uzu tiun formon kiu estas kutima en la komerca vivo, afera antaŭ ĉio.

Alia problemo estas : Kiel UEA povus servi al la foiroj. La kreskanta intereso al la jarlibro instigas nin evolui ĝin en praktikan informilon ĉiutagan. Komencata estas la elektigo de komercaj delegitoj. Laŭ interkonsento kun la Foira estraro de Lyon, la estro de la Esperanto-Fako estis elektita Delegito por Komerco. Prikomercajn demandojn li do prizorgas sub la bonvola protekto de la Foiro, uzante ties vastan teknikan rimedaron. Plia novaĵo estas la aranĝo de karavanoj organizataj de UEA por viziti la foirojn kaj ĉe kiuj rajtas partopreni ankaŭ neesperantistaj komercistoj. Krome ni provos ĉu kreo de porfoira sekcio ĉe la Centra Oficejo en Ĝenevo estas ebla, por plej racie eluzi ĉiun eblecon puŝi la aplikon de nia lingvo en tiu-ĉiu kampo tiom interesa kaj vasta. Urĝas ke estu tia fako konstanta kiel estas nun en Frankfurt, Leipzig kaj Lyon, ĉe ĉiu alia foiro. H. J.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

# UEA kaj Akademio

En nia lasta ĉefartikolo « Ni restos fidelaj » devus esti O n i anstataŭ I l i sur linio 7-a.

Ni intence ne citis nomojn por eviti personaĵojn. Nur ideoj gravas, sed ni sincere bedaŭras se tio povis kaŭzi malkomprenon.

Estis nia devo urĝe averti — same kiel faris aliaj esp. gazetoj — kontraŭ lingva marĉandado de privataj personoj ĉe « Heroldo » (ne Akademianoj). Ke ili gajnis indulgon aŭ amikan silenton de homoj ĉiam tiel severaj kontraŭ UEA pro landnomoj, tio ŝajnis al UEA-anoj tre maljusta kaj malkuraĝiga : du pesiloj kaj du mezuriloj.

Nun espereble ĉio estas klara kaj ni povos pace kunlabori por fine ordigi la landnoman malkonsenton inter UEA kaj Akademio. Ni ĝojas enpresi la jenan leteron de P-ro Cart kaj nur atentigas, ke ni ne uzis la vortojn « perfidi » kaj « perfidontoj » tute ne taŭgajn en la nuna okazo.

---

ESPERANTISTA AKADEMIO
LA PREZIDANTO

Parizo, la 18-an de Januaro 1928.

Kara Sinjoro Redaktoro,

D-ro Privat parolas en la Januara numero de « Esperanto » pri « eminentuloj », kiuj ian tagon povus perfidi. Ĉu eble? Mi tre dubas. Se vere, mi povas certigi, ke inter la eminentaj perfidontoj (?) troviĝas neniu Akademiano. Ĉiuj estas kaj restos fidelaj : ankaŭ, kiam post multaj, multaj jaroj — kiujn apenaŭ kelkaj verŝajne ĝisvivos — la Registaroj oficialigos Esperanton, ili tiam fidele sekvos la vojon montritan de D-ro Zamenhof en la Washington'a Kongreso; ili opinias kiel li, ke se « *iam registare starigota komitato... traktos sian » taskon serioze..., la postkomitata Esperanto restos tute la sama » lingvo, kiel la Esperanto antaŭkomitata* » kaj ke « *nur eble kelkaj » nunaj formoj fariĝos arĥaismoj..., neniel rompante la kontinuecon » de la lingvo kaj neniel ruinigante la valoron de tio, kion ni ĝis nun » akiris.* »

Ni ne ŝanceliĝis hieraŭ, ne ŝanceliĝas hodiaŭ, ne ŝanceliĝos morgaŭ : firme kaj tute trankvile ni daŭrigu nian por esperanto laboron!

Kun kora saluto,

*Th. Cart,*

Prezidanto de la Lingva Komitato.

---

Ĝenevo, 27 Januaro 1928.

Sinjoro Prof. Th. Cart,
Prezidanto de la Esperantista Akademio,
12, rue Soufflot, Paris (Ve).

Tre estimata Sinjoro Prezidanto,

Mi danke ricevis vian noton de 18-an de Januaro, kiun « Esperanto » enpresos en sia marta numero, ĉar la Februara numero jam estas en preso.

Ĝoje mi konstatas, ke vi persone konsentas pri la vidpunkto, ke neniu ekstera povo, eĉ registaroj povas tuŝi vivantan lingvon kiel Esperanto, evoluanta nur per uzado. Ankaŭ samcerta mi estas kiel vi, ke neniu Akademiano akceptis enmiksiĝi en tiujn strangajn lingvajn marĉandojn, kontraŭ kiuj mi energie protestis per mia artikolo « Ni restos fidelaj ».

Jam en 1926 en Ĝenevo ni ambaŭ troviĝis en plena interkonsento por firme respondi al alia interveno (el Usono).

Malfeliĉe la bedaŭrinda afero pri landnomoj (komencita longe antaŭ mia elekto en estraron de UEA) ankoraŭ malhelpas tiun plenan harmonion inter Akademio kaj UEA, kiu devus kaj povus ekzisti por vigle antaŭenpuŝi la progresadon de nia lingvo en ĉiuj kampoj en la momento mem, kiam la idista movado plene disrompiĝas.

Mi siatempe kredis, ke tiu harmonio estus atingebla sur la bazo de la deklaro en la « Oficiala Klasika Libro » (pĝ. 117 = Germanio apud Germanujo, evolucio apud evoluo laŭ paragr. 15 de l'Fundamento). La komitato de UEA cedeme akceptis tion, sed ŝajnas, ke restas tamen ankoraŭ grava malkompreno pri pluraj formoj. Ĉu ne estus eble tute trankvile kaj senpasie ĝin definitive forigi?

La Viena Kongreso petis la Akademion starigi liston de landnomoj permeseblaj laŭ la Fundamento. Tiun proponon vi konsideris nepraktika.

Do mi havas la honoron, proponi al la Akademio, ke ĝi bonvolu tiam ekzameni la uzadon de landnomoj en UEA-dokumentoj dum la lastaj jaroj kaj tute klare indiki n o m e, kiujn formojn ĝi konsideras kontraŭfundamentaj.

Mi tiam proponos al la komitato de UEA, ke ĝi per voĉdono decidu, ke tiuj formoj ne rajtas esti uzataj en la oficialaĵoj de la Asocio kaj devas esti anstataŭataj per landnomoj en -ujo- aŭ -lando-. La Jarlibro de 1928 estas jam preta, sed por la gazeto kaj por la sekvanta jarlibro respondo sufiĉas antaŭ la monato Junio.

Se ĉiuj bonvolas forlasi iun ajn konsideron pri personoj, prestiĝo, venko aŭ malvenko, kaj vidi nur la bonon de nia lingvo, kiun ni ĉiuj celas, mi estas certa, ke tiu dorno povas malaperi kaj fari lokon al nova kuraĝo por la komuna sankta afero.

Atendante vian afablan respondon, mi restas, tre estimata sinjoro Prezidanto,

Tutkore via,
*Edmond Privat.*

---

**Intertempe nia gazeto simple revenos al la tradiciaj formoj en -UJO kaj -LANDO por la malnovaj regnoj nomitaj de D-ro Zamenhof por ne trudi sian opinion al la Akademio dum la esplorado. (Red.)**

 LINGVAJ STUDOJ 

# La Evoluo de Esperanto

de *H. Sakaria.*

(Fino.)

Des pli rapide kreskas la Esperanta vortaro, kreskas nature, laŭ la procedo kelkfoje jam aludita. Dank' al la diligenta laboro de siaj lingvaj institucioj : la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio, — la esperantistaro posedas jam kolekton da proksimume 5,000 oficialaj radikoj lingvaj — konsiderinda nombro, se oni memoras la eblecon, krei el ili per la afiksoj multajn milojn da pluaj novaj vortoj. Konsiderinda kvanto tute senpartie atestanta la respektindan kulturnivelon ne nur de la lingvo sed ankaŭ de ĝia popolo, la esperantistoj — ĉar oni ne forgesu, ke tiujn esprimojn uzigis simplaj, ĉiutagaj vivo kaj bezonoj, ne grandiozaj kapricoj de lingvo — « kreisto ».

La formon de multo da vortoj renkonteblaj en la literaturo difinis unue kaj ĉefe la tendenco al mallongeco, — kiom ĉi — tiu estas ebla sen domaĝo por la spirito de la lingvo, — kaj la laŭeble tuja komprenebleco. Ĉe tio konserviĝas sensanĝe aŭ kun tre malgrandaj modifoj la radiko origina. Kaj sekve de tio ni konstatas ofte :

*a)* Ekuzon de paralela, samradika, sed simpligita formo. Du aŭ kelkajn stadiojn trapasas iuj vortoj : asoziaciono (1890) — asociacio — asocio ; kulturigi — kulturi ; publikigi — publiki. Laŭ la lasta tipo ofte formiĝas vortoj dusence kompreneblaj, tia formo estas « loki » elvokanta la ekvivalentojn de « lokigi » kaj « troviĝi » samtempe (1).

*b)* Jam al alia tipo apartenas la radikoj ricevitaj per ŝanĝo de litero en la origina formo : kapriso (« Dua libro » — kaprico (Rusa-Esp. vortaro, 1889), baraktero (« Dua libro ») — karaktero (« R-E. V. »), haringo — harengo (duba novaĵo) ; vortoj, kie « ĥ » estas anstataŭata per « k » — « monarko », « psikologio » kaj aliaj (2).

*c)* Dum en unuatempaj verkoj abundas kunmetitaj formoj : atendemo (pacienco), ŝajnkaŭzo (preteksto), elrigardi — aspekti — la nuna tempo penas uzi por ĉiu ideo vorton simplan, se la formo kunmetebla estas tro peza, eĉ nerekonebla ofte, ekz. « nano » (en scienco) anst. « malgrandegulo », « varo » anst. « komercaĵo ».

*ĉ)* Pro la postuloj de kompreneblo kaj precizo, esprimoj « nuancaj » ekuziĝas apud la vortoj tre ĝeneralsencaj kaj malprecizaj, ĝis tiam uzitaj ankaŭ por difino de la « nuanco » : heziti — ŝanceliĝi ; preni-alpreni — akcepti; akuzi — kulpigi ; ofero — viktimo.

Per tiu ĉi punkto ni transiris la limon de la ekstera evoluo kaj paŝis en la sferon de la interna evoluo ;

*d)* La rimarkigo sub *ĉ)* tuŝas ankaŭ la disvolviĝon de klaso da vortoj, pro sia ofta uzateco, tre gravaj : la diferenciĝojn de la sufiksoj : « ujo » ekz. penas ĉe kelkaj aŭtoroj transdoni la « landan » signifon al « i-o » ; iomaj delikataj apartigoj riceviĝas per helpo de « em » apud « iv », de « iz » apud « ig », de « mis » apud « mal-, malbon », de « aĉ » apud « fi », de « retro » kaj « re ». Sed el ĉitiuj supraj nur la fundamentaj formoj kaj el novaj nur « aĉ » efektive viviĝis, tiel viviĝis, ke oni ordinare konsideras ĝin Zamenhofa kreaĵo. « Oz », sufikso utila en la tekniko, enportas pedantan malharmonion en la komunan lingvon, tial ĝia utilo por la beletristiko estas dubinda. Jam de longe ekzistanta sufikso « ism » (« Esperantismo ») nur antaŭ kelkaj jaroj oficialiĝis.

(Komparu la Akademian resumon pri voĉdonado en « Oficiala Gazeto » 2-a jaro N-ro 10 [1910]).

*e)* Pro la praktikaj postuloj de la uzantoj la lingvo kreskas per ekuzado de modernaj esprimoj internacie uzataj : « kosmotekniko, tanko, bolŝevismo », laŭ la regulo 15-a de la gramatiko esperantigante la vorton. Malfeliĉe esprimite, tro sklave imitite, tia vorto el siaj propraj fortoj ŝanĝiĝos ĝis ĝi libere kaj plaĉe lokiĝos en la kadro de la lingvo kaj ĝiaj reguloj.

*f)* Samtempe kun la akceptado de novaj formoj, daŭras plu la riĉiĝado de la lingvo per formoj kunmetitaj kaj korektiĝo de nebonaj aŭ mallogikaj kunmetaĵoj : jarcento — centjaro (« forte staras muroj de miljaro » !) ; treete — sufiĉe (« Esp. Praktiko », Dec. 1921).

Tiaj estas kelkaj vivaperoj el la vortara evoluo. Ĉi tiuj linioj nek devis, nek povis prezenti detalan bildon.

Alpaŝante al la problemo pri la evoluo de la tuta lingvo kiel organismo, al tiu « io » precize nedifinebla, kiun oni nomas « stilo », ni prudente agos, se ni aŭskustos, kion ĝia kreinto, ĝia patro diris : « Kiel la lingvo de homo matura estas multe pli riĉa kaj pli elasta, ol la lingvo de infano, kaj tamen la lingvo de ĝuste parolanta infano neniom diferencas de la linvo de homo matura, tiel verko, skribita en Esperanto antaŭ dudek kvin jaroj ne estas tiel vortoriĉa, kiel verko, skribita en la nuna tempo, kaj tamen la lingvo de tiu tempo perdis nenion el sia valoro ankaŭ en la nuna tempo. »

(Oka Kongresparolado : Möbusz « Dokumentaro de Esperanto », p. 101.)

« Simpla, fleksebla, belsona, vere internacia en siaj elementoj », sed malriĉa en siaj unuaj jaroj, nun ĝi riĉiĝis — kaj nia devo estas atenti, ke la riĉeco ĝin ne malvirtigu, ke ĝi neniam forgesu sian modestan kaj simplan devenon, ke

---

(1) Komparu la raporton de la direktoro de la Akademia Sekcio por la Komuna Vortaro en Januara Numero de « Esperanto », 1922.

(2) Rigardu la ĉi supran raporton kaj la artikolon de V. Setälä pri la malaperado de « ĥ », « Esperanto Finnlando », 1921, Junio.

ĝia animo ne dronu en lukso kaj riĉego. Ĉia simpla eleganteco kaj konciza precizeco estis tiuj ecoj, kiuj plej plaĉis al tiaj bonfamaj verkistoj, stilartistoj kiel Léon Frapier, Romain Rolland. Estas trafa konstato, kiun faris D-ro Privat en sia « Vivo de Zamenhof », p. 155. Esperanto liberiĝas de superflua balasto dum sia evoluo. « La frazoj Zamenhofaj estas ofte longaj. Verkistoj pli modernaj havas malan guston », tio plene harmonias kun la tendenco al plej ebla mallongigo de la vortaraj formoj, jam menciita— apero konstatebla en ĉiuj naturaj lingvoj — Esperanto evoluas tute nature, — kaj al sia originale propra stilo !

Sed la stilo Esperanta sub la plumo de traduk-artisto estas ĉiel fleksebla, elasta, gracia, pompa, peza, delikata, rigida aŭ bizara — laŭ la stilo de la verko tradukata — tiom evoluinta ĝi jam nun estas !

(En Tallinn, finverkita, 18 de Julio 1922, reviziita 11 Oktobro 1927.)

## Universala Esperantista Pacifista Ligo

La kunvenintaj membroj de U.E.P.L. dum la XIX-a kongreso en Danzig decidis daŭrigi sian laboron, klopodante kolekti ĉiujn amikojn de paco kaj propagandi Esperanton en pacifistaj rondoj.

Krome oni decidis ĉiujare dum la U.E.K. aranĝi indan manifestacion de U.E.P.L. por la paco.

Ĉiu amiko de l'interna ideo kaj de l' paco estas kore petata kunlabori, helpi kaj subteni nian movadon.

Ni volas koncize rememorigi la decidojn, kiuj estis akceptitaj dum la U.E.K. en Nürnberg pri la organizado por nia Ligo.

1. En ĉiu ŝtato, provinco kaj regiono estu almenaŭ unu ĉefreprezentanto de nia Ligo.

2. Tiu ĉi reprezentanto arigu ĉiuloke, kie estas Esperantistoj, societon aŭ rondeton de U.E.P.L.

3. Li raportu kvaronjare al la estraro pri siaj sukcesoj.

4. Ĉiu membro pagu minimuman kotizon de 0,5 (angl. ŝil, germ. Mk. aŭ svis fr.)

Kiu volas pagi pli al tiu la estraro esprimas antaŭan dankon.

5. La kotizojn oni uzos por la propagando, presajoj kaj aliaj nepre necesaj elspezoj.

6. Kiel oficialaj gazetoj estis elektitaj « ESPERANTO » de UEA, « Heroldo de Esperanto », kaj aliaj naciaj gazetoj.

7. Ĉiu membro de la Ligo estas sincere petata publikigi ĉi tiun alvokon kaj la sekvontajn en la Esperantista kaj nacilingva gazetaro kaj ankaŭ en la pacifistaj revuoj.

En Danzig nia altŝatata kaj meritplena prezidantino S-ino Isbrücker rezignis bedaŭrinde je la prezidanteco, sed akceptis la postenon de la 1-a vicprezidantino.

Kiel prezidanton de l'U.E.P.L. oni elektis S-ron Dir. Julius Glück, Berlin, W. 62, Bayreutherstrasse 3.

Kiel estraranoj estis elektitaj: F-ino Rooth, por Ameriko; S-ro Pyke, por Aŭstralio; S-ro Christaller, por Germanujo; S-ro Steiner, por Aŭstrio; D-ro Bischitzky, por Ĉeĥoslovakio; S-ro D-ro Spielmann, por Svislando; S-ro Aeltermann, por Danzig.

La nomoj de la aliaj estraranoj kaj reprezentantoj estos pli poste konigataj.

La postenon de la afergvidanto prenis sur sin S-ro Heinrich Michalek, Reichenberg, Lerchenfeldstrasse 20, Ĉeĥoslovakio.

La ĝenerala sekretario estas ing. Bernfeld en Wien.

Leterojn, demandojn kaj kotizojn oni sendu al la prezidanto J. Glück, Berlin, W. 62, Bayreutherstrasse 3, aŭ al: Heinrich Michalek, Reichenberg, Lerchenfeldstrasse 20, Ĉeĥoslovakio.



## Universala Esperanto-Asocio

Centra Oficejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis.

### Oficiala Informilo

Jaro 1928, N-ro 5.

*Ŝanĝo de presejo.* — Kiel rimarkeble ni ŝanĝis la presejon de la gazeto *Esperanto*. Post detala esploro de la situacio ni konvinkiĝis ke rezultos certa ŝparo, ĉu el la presado mem ĉu el afrankodiferenco. La transiro al nova presejo ja havas en si mem malavantaĝojn, kiujn ni tamen povis venki. Post 2—3 monatoj ni esperas ke ĉio atingos saman regulecon kiel antaŭe.

Restas al ni la agrabla devo danki tie-ĉi plej sincere nian ĝisnunan presiston S-ron Paul Göring, en Magdeburg kiu en tre malbona momento transprenis la presadon. Li fidele okupiĝis pri la multaj flankaj detaloj ligataj al esp. revuo kaj la komplikaĵoj rezultiĝantaj el la distanco inter redakcio kaj presejo. Sen lia precizeco kaj akurateco ni ne estus povintaj eluzi iaman favoran situacion.

*Pola teritorio.* — Post zorga esploro de ĉiuj faktoj ni dissendis al niaj delegitoj en Polujo cirkulerleteron kun voĉdonilo pri elekto de ĉefdelegito kaj kreo de teritorio Pola Respubliko. La rezultaton ni siatempe konigos en *Esperanto*. Delegitoj nericevintaj la cirkuleron volu nin informi pri tio.

*Informoj por la Administracio.* — Ni rimarkigas denove ke ĉiuj administraj informoj, speciale pri adresŝanĝoj, plendoj pro nericevo k.t.p., devas esti sendataj al la Centra Oficejo aŭ al la ĉefdelegitoj, sekretarioj de teritorioj kaj NE al la ekspedjo de la gazeto.

### Novaj Delegitoj

**Anita** (USA, Iowa). D-ro Lyell Patrik Hadley, drogisto.
**Auxterre** (Franc., Yonne). VD.: F-ino Marguerite Horné, 8, r. de l'Arquebuse.
**Bécon-les-Bruyères** (Franc., Seine). D.: S-ro Raoul Arnould, 43, rue du 22 Septembre.
**Bengasi** (Afriko, Libia). D.: S-ro Gino Catarzi jurnalisto, Radio-Torelli.
**Bihaĉ** (SHS, Bosnio). D.: S-ro Milan Beronja, komercisto.
**Bisamberg** (Aŭstrio). D.: S-ro Raimund Peter, eks. lernejdir. N-ro 20.
**Breitenstein** (Aŭstrio, N. Oester.). D.: S-ro Hugo Glatz, Br. am Semmering.
**Campo San Martino** (Italio, Padova). D.: F-ino Mirza Marchesi, instruistino. VD.: S-ro Danilo Marchesi, maristo.
**Choisy-le-Roi** (Franc., Seine). D.: S-ro Robert Munet, 13, rue Gérard.
**Colon** (Urugvajo, Jul. Marquez). D.: S-ro Joaquin Moreira Giner, 147, Av. Eugenio Garzón.
**Ermont** (Franc., S.-et-O.) D.: S-ro Félix Galy, inĝ., 53, r. Batignons,
**Fossano** (Italio, Cueno). D.: S-ro Raffaelo Morra, Via Ricrosio, 2.
**Gottesgab** (C. S. R.., Bohemio). D.: S-ro Hubert Klar, G. bez Joachimsthal.
**Graçay** (Franc., Cher). D.: D-ro Michel Bouillet, kuracisto, place du Marché.
**Hainfeld** (Aŭstrio). D.: S-ro Franz Wandl, H. an der Gölsen; VD.: S-ro Robert Bahnert, Bahnhofstrasse, 138.
**Hall** (Aŭstrio, Tirol). D.: S-ro Franz Egger, profesoro, Thurnfeld.
**Hann. Muenden** (Germanio, Hannover). D.: F-ino Margarete Renner, Dammstrasse, 5.
**Hanoi** (Indoĉino). D.: S-ro André Mialhe, 49, Bd. A. Rousseau.
**Homs** (Azio, Sirio). D.: S-ro Paŭlo Bechirian, Collège National protestant.
**Iserlohn** (Germ., Westf.). D. S-ro Heinrich Dresselhaŭs, Karlstr. 19-11.
**Jaroslaw** (Pollando). D.: S-ro Antoni Wachulka, instruisto.
**Klagenfurt** (Aŭstrio). D.: S-ro Leonhard Schmid, Ziggulweg, 3.
**Kyjov** (C. S. R., Moravio). D.: S-ro Josef Balcárek, Okresni, Politická správa; VD.: S-ro Leo Feigenblatt, Námestj c. 4.
**Langenberg** (Germanio, Thür.). D.: D-ro Eduard Arnold, Haus Charlottenburg.
**Librantice** (C. S. R., Bohemio). D.: S-ro Jaromir Sulc, N-ro 81, poŝto Jeníkovica.
**Lommatzsch** Germ. Sa.). D.: S-ro Max Pruss, Kleinhagen, Post Zehren i. Sa.
**Londono** (Brit.). D.: S-ro Edmund Willcocks, farmaciisto, 142, Higt Street, Walthamston, E 17. (Informdonas pri apotekistaj aferoj); D.: S-ro Ch. Walter Freak, 61, Effra Rd. S. W. 2. (Informdonas pri internaciaj komercaj aferoj.)
**Mansfield** (Brit., Nottinghoms). D.: S-ro Thomas Brunt Rogiers, « Kenwood », Alexandra Ave.
**Meerane** (Germanio, Sa.). D.: S-ro Max Starke, Weberstrasse, 70.
**Muerzzuschlag** (Aŭstrio, Stirio). D.: S-ro Ignaz Storm, lernejinspek.
**Nachod** (C. S. R., Bohemio). D.: S-ino Bela, Raichlova, chot ridiciho ucitele.

**La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la unua publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.**

Genève, 15 Februaro 1928. Hans JAKOB, Direktoro de UEA.

# KRONIKO

## Aŭstrio.

Esperanto-Unuiĝo en Korneuburg, fondita 1914, elektis unuanime la 15-an fojon S-anon Steiner, prezidanto.

Samtempe oni unuanime decidis, danki al prezidanto Steiner pro lia senlaca fruktoplena laboro por Esperanto per eknomo « unua honormembro » de la unuiĝo.

*Bisamberg.* — Grupo fondota sub gvidado de lern.-kons. Peter.

*Korneuburg.* — En la gen. kunveno novelektoj: Prez.-ĉefinsp. Steiner, vicprez.-lern.-insp., reg.-kons. Schatzl, sekr.-Specht, F-ino Mullner, kas.-Luegmayer.

*Mürzzuschlag.* — Distr. Lern.-insp. Storm fondis E.-rondon, kie li gvidas kurson. Grupo baldaŭ fondota.

*Leoben.* — La penadoj de poŝta insp. Puntigam sukcesis, revivigi la grupon, kiu aliĝis al E.-Societo por Stirio en kunveno, kiun fine de januaro ĉeestis la sekretario de la societo el Graz, S-ro Rogler, Specialan dankon al S-roj Puntigam, Krainz kaj Fassmann.

*Siegmundsherberg.* — D-ro Leo Scheuer per vigla varbado sukcesis interesigi 60 pers. al kurso, kiun li mem gvidas.

*Wien.* — « Polica Esp.-Unuiĝo « Ĝen. kunveno: Prez. Hirz parolis pri la sukcesoj en la pasinta jaro (Aŭtria E.-kongreso, kiun ĉeestis la policprezidanto Schober mem; enkonduko de la novaj ŝildetoj kun la verda stelo kaj arango de 3 oficialaj kursoj en la lerneja taĉmento, gvidataj de S-ro Steiner). Elektitaj: Prez.-Hirz, vicprez., Gaidosch; sekr., Raffelseder; kas., Mitterhofer; kontr., Klement. « Danubio »: Ĝen. kunveno: Novelektoj Ĉech-prez., kort.,-kons. D-ro Klecka kaj S-ro Wipplinger, vicprez., Vasta kaj Klein, sekr., S-ino Wipplinger kaj F-ino Metzger, kas., F-ino Kohn kaj S-ro Postl.-bibl. Popper, Deistler, reviz.; Dittrich, Feder, D-ro Jokl, S-ino Kohn, D-ro Pfeffer, F. J. Schade, F-ino Stowasser, Weiniger-kons. Honoraj membroj: «Direktoro Kaftan, F. J. Schade, D-ro Sos kaj kolonelo Zwach. »

Funkcias 21 kursoj kun 605 gelernantoj. Urba Lerneja Konsilantaro elspezis por aĉetado de la lernolibroj 7200 S. kaj por necesaj kajeroj 1200 S.

— « *Danubio* » aranĝis 16-1. « Hungaran Kultur-Vesperon ». Pere de pli ol 100 lumbildoj, akompanataj de bonaj klarigoj de S-no Klein, estis prezentitaj hungaraj urboj kaj naciaj kutimoj. F-ino Mantel entuziasmigis la ĉeestintojn per danso « Csárdás », fortepiane akompanata de F-ino Schicketanz. S-ro D-ro Sos laŭtlegis bonhumoran noveleton el hungara vilaĝa vivo. Famaj hungaraj poemoj de Petöfi kaj Arany estis deklamitaj kun profunda sentemo de S-no Brunner. Ankaŭ poeto Baghy estis reprenzentita en kadro de nia vespero pere de deklamo de F-ino Gelbmann. Fine plibeligis la programon F-ino Kremann per prezento de hungaraj kantoj kun gitar-akompano.

Antaŭ-sciigoj: 6-2: Japanujo, lando kaj literaturo. 13-2: Prelego D-ro Sos: Heroo aŭ sanktulo (de Coudenhove-Kalergi). 20-2: Lumbildprelego pri: « Maks kaj Moric », de Busch, tradukita de kolonelo Zwach. 27-2: Parolado S-ro Steiner: Kio mankas al ni.

## Belgujo.

*Antverpeno.* — En grupo « La Verda Stelo ». La 1-an de Decembro komenciĝis nova kurso gvidata flandralingve de S-ro Bastiaensens. — La 10-an bone sukcesinta balo kunigis la membrojn kun siaj familianoj. — La 24-an okazis intima Kristnaskofesteto, kies programon agrabligis du filmoj, muziko kaj surprizoj. — La 7-an de Januaro F-ino J. Van Bockel, parolis pri la libro « Abismoj » de Jean Forge kaj la 14-an la membroj de « La Verda Stelo » laŭ la Antverpena kutimo, grupe iris al la « Pulĉinela Kelo » kie ili bonege amuziĝis.

## Britujo.

*Liverpool.* — Kursoj ĉe Labour College, gvid. de S-ino Shipman.

*London.* — La County Council (Urba Konsilantaro) citas en broŝureto pri instruado de fremdaj lingvoj tri kursojn de E. en komercaj lernejoj (Clapham Junction, Highbury, Marylebone).

## Bulgario.

*Sofia.* — La estraro de la bulgara fervojista unuiĝo decidis:

*a)* Enkonduki malgrandan esperantistan rubrikon en sia gazeto, por krei intereson inter la membroj, sed ankaŭ por informi la alilandajn kolegojn pri la gravaj momentoj de la agado (sub la gvido de Kdo Vichegonoff);

*b)* Eble plej baldaŭ uzadi nur la helplingvon en la korespondado kun nia oficejo.

## Ĉeĥoslovakio.

*Bratislava.* — Fondiĝis Esp. Propaganda Rondo. Kurso kun 15 anoj.

*Olomouc.* — La urbestraro permesis per dekreto de 23. de Januaro 1928 la instruadon de Esperanto en knabina burĝa lernejo kiel nedeviga objekto. Instruos lernejestro S-ro Neuzil komence de Februaro.

La kursoj ĉe skoltoj kaj la gimnasta societo « Orel » prosperas bone.

La nombro de UEA membroj estas 62. Tiu cifero montras, ke ĉiu miliona loĝanto estas UEA-ano. Kiam estos eble atingi tiun proporcion en ĉiuj urboj de la mondo? *KA.*

*Praha.* — Esp. klubo elektis novan estraron, 20-1-28: Prez.: Aug. Pitlik; VP.: Konst. Koutek; Sekr.: Rob. Bloch; Kas.: Zdenek Dobes.

## Ĉinujo.

*Shanghai.* — Germana kaj Ĉeĥaj veturistoj vizitis nian urbon dum Nov. al kiuj la loka grupo helpis. En Nacia Laborista Universitato oni aldonis devige Esperanton kun 200 p. Gvidas Japana Samideano Jamaga. S-ro Ĉen Ĉaŭ Jin faris propagandan paroladon en Kuang Chao Lernejo 11 Dec. Broŝuroj kaj propagandiloj disdonitaj. Zamenhofa festo okazis ĉe Y.M.C.A. restoracio, ĉeestis aŭstra S-ano F. Ebner, britaj ges-anoj Browne kaj lokaj esp.-istoj. Oni elektis S-ron Ĉen Ĉaŭ Jin kiel prezidanto. Interesajn paroladojn faris S-ron Ĉen Ĉaŭ Jin, kaj Chao chin-sen, sekvis raporto pri nia movado en Chinkiang de S-ro Naŭu Canĝia Fu, fine fotografado.

## Egipto.

*Port-Said.* — Je la komenco de la nova jaro Esperanto-Grupo de Port Said okupos novan, kunvenejon, ĉe la fino de la ĉefstrato, kie flirtos la standardo, kaj ebligos pli vastan propagandon. La Grupo nun havas 20 anojn. Aliĝo al la Grupo rajtigas al senpaga ricevo de Verda Stelo. Por 1928, *ĉiu* ano de la Grupo kiu jam finis kurson, kaj du aliaj, fariĝis membro de UEA — naŭ-dekonoj kiel MA.

Imitinda; se ĉie estus sama proporcio UEA havus 20.000 anojn. (Red.)

## Francujo.

*Annecy.* — Kurso 30 anoj ĉe liceo por ties anoj. Ekspozicio ĉe grava magazeno.

*Auxerre.* — S-ro Delanoue ĉefdelegito de UEA faris paroladon en la Societo por popola Edukado. La urbestro S-ro Ribain prezentis la parolanton.

*Saint-Omer.* — La Licea Grupo donis, la 15-an de Decembro, sian 12-an feston esperantistan, sub la prezido de la Liceestro.

La programo konsistis el:

Parolado kun lumbildoj pri la Kongreso de Danzig-Varsovio, farita de S-ro Deligny;

Komedio « La Vangfrapo », ludita france de la lernantoj; Fingrolertaĵoj, de S-ro Deligny, k.t.p.

*Strasbourg.* — 12-1-28: Nova kurso kun 30 anoj. Dum 1927 oni notis kreskon de 100 novaj esperantistoj.

*Toulouse.* — 6-1-28, ĝenerala kunveno de la Esperantista Universitata Klubo. Inĝ. Salles, prez., raportis pri la okazinta Universitata Kongreso kaj la alprenitaj decidoj. Nova klubo-estraro estis elektita por 1928.

*Prezidanto:* Prof. Cosserat, Direktoro de la Universitata Observatorio membro de la Scienca Akademio. Vic-prezidanto: D-ro Badin

Generala sekretario : stud. Zylberstejn. Administra sekr.: stud. Benitah.

Gazetara sekretario: stud. Garigues. Kasisto: stud. Benchidek. Bibliothekisto: stud.: Varchovkier.

S-ro Drech. Rektoro de la Universitato bonvolis akcepti la honoran prezidon de la Klubo.

Du kursoj: elementa, gvidata de Inĝ. Salles, kaj supera gvid. de stud. Zylberstein, ĉirkaŭ 30 kursanoj.

La adreso de la sekretariejo estas: 8, str. Baour-Lormian, Toulouse.

*Tourcoing* (Nord). — Ĉe la liceo, nova kurso gvidata de S-ro Vauthier, del. de UEA. Premio promesita de la liceestro.

## Germanujo.

*Berlin.* — La 24-1-28 jarkunveno de la Berlina Esperanto-Unuiĝo La Unuiĝo en la pasinta jaro aranĝis 24 ordinarajn kunvenojn, 6 propagandajn paroladojn de eksterlandaj gesamideanoj el Ameriko kaj Japanujo, 22 kursojn kun preskaŭ 400 partoprenintoj. Krome la unuiĝo okazigis la Antaŭkongreson, kiun vizitis reprezentantoj el 25 landoj. Al la unuiĝo apartenas 9 lokaj grupoj.

Kiel estraro estis elektitaj: S-roj Dir. Glück (prezidanto), Konrektoro Schütte kaj inĝeniero Conrad (vicprez.), Wichert (sekretario) Dauge kaj Lindemann (afergvidantoj kaj kasistoj), Justizrat D-ro Cohnberg kaj advokato D-ro Eberle (juraj konsilantoj).

11-9-27, parolado de S-ro D-ro Liebeck en Advokata Unuiĝo pri E. kaj juro.

*Cleve.* — 15-1-28. Zamenhofa festo. 200 personoj ĉeestis.

*Dresden.* — La firmo « *Dresd.-Leipziger Schnellpressen-Fabrik, A. G.* Kützeschenbroda donacis al la Loka Societo Dresden 200 Rm. por propagandaj celoj. Imitinda ekzemplo.

Loka Societo de GEA. 4-2-28 okazis la tradicia jarfesto en la salonegoj de « Neustädter Kasino ». Partoprenis ĉirkaŭ 500 p. D-ro inĝ. Friedman sciigis, ke la *Saksa popolkleriga ministerio* donis helpon al la *Saksa E.-instruistaro* de grava sumo kaj ke la hodiaŭaj ekzamenoj de la *Germana E.-instituto* montris tre bonajn sukcesojn. La arta programo konsistis el E.-kantoj de *Ruth Scheibner,* de flaŭtoludado de *Alfred Hänig,* de germanaj kantoj de *Thea Werle.* Krome knabinoj el Gohlis prezentis ĉarmajn deklamojn kaj infanteatraĵeton sub gvidado de *lernejestro Hahn.* Balo finigis la bonsukcesan feston, kiun partoprenis ankaŭ D-ro *Steche,* Leipzig; S-ro *Schwarz,* Berlin kiel reprezentanto de GEA kaj multaj Samideanoj et Saksujo.

*Dresden, Loka Societo de GEA. Monata kunveno* okazis 20-1 en la « Kasino Gebr. Arnhold ». Parolis pri *nordlandvojaĝo* F-ino *Kaethe Schindler.* P raportis pri la laboroj de la pasintaj semajnoj kaj kelkaj novaj entreprenoj propagandaj. S-ro *Ranft,* prezidanto de *Komerca Esperanto-Unio,* skizis bildon pri la laboro de tiu ĉiam pli kreskanta unuiĝo por la praktika uzo de E. en la komerco, kiu jam necesigis fondon de diversaj filioj, ekzemple en Persio, Japanlando, sur Javainsulo, k.t.p. Post la fino de la monata kunveno la ĉeestantoj unuiĝis sub prezideco de la ĉefdelegito de UEA por Saksio *Johannes Karsch,* kiel *Regiona kunveno de UEA,* ili aŭdis raporton de la prezidanto pri la nuna stato de UEA kaj estis de li varmege alvokataj, subteni per aliĝo kaj varbado nian plej gravan E.-organizaĵon. La ĝisnunaj delegitoj de Dresden estis reelektitaj sub la esprimo de danko por ilia ĝisnuna laboro.

*Halle.* — Nedevigaj kursoj ĉe senkonfesiaj lernejoj 40 p. kurso ĉe la Laborsocieto de la instruistoj ĉe senkonfesiaj lernejoj. Du kursoj ĉe Volkspark, de la Laborista grupo 30 p.

*München.* — Esperanto en la bavara parlamento. Laŭ iniciato de la Esperanto-Kartelo de München, kiu sendis peticion pri Esperanto al la parlamento, okazis diskuto pri Esperanto. Krom socialista kaj komunista delegitoj neniu oratoro estis sufiĉe informita pri nia afero. Akre kontraŭstaris ĉiun paŝon por Esperanto nacionalista deputito, laŭdire mem esperantisto kaj fakulo. Pro similaj motivoj lin subtenis ano de plej ekstrema nacionalista alo. Por ni estas notinde, ke ĉiuj oratoroj tamen rekonas la jaman aplikadon praktikan de Esperanto, malgraŭ ilia nefavoro al ĝi. La peticio kun propono pri akcelo de Esperanto estis transdonita kiel materialo al la registaro.

*Potsdam.* — Januara N-ro enhavis informon ke S-ro Oishi, direktoro de l'Observatorio lernis E. en Berlin. Fakte S-ro Oishi lernis antaŭ 15-jaroj la lingvon en Potsdam, ĉe kurso de S-ro Markau.

## Greklando.

*Athenai.* — La Helena Esperanto-Asocio tre regule kunlaboras kun I.C.K. en Genève por progresigi nian ĝeneralan propagandon en Greklando. La nova ministerio de Publika Instruado ĵus renovigis la ministran cirkuleron pri Esperanto-kursoj en la instruistaj seminarioj. Funkcias 2 kursoj gvidataj de S-ro D-ro Pindaro Polymeros kaj de S-ro Stavro Patsouris.

La Esperanto-Instituto de Greklando antaŭ ne longe disdonis 36 diplomojn pri studado, inter kiuj 9 studentoj, 2 profesorinoj de la instituto « Maraslion », 5 policistoj kaj, 7 lernantoj de la grupoj de Ateno kaj Pireo.

F-ino Martha Root, la konata amerika samideanino, publike parolis kun granda sukceso en Esperanto pri Bahaismo kaj Esperanto. S-ro D-ro A. Stamatiadis tradukis en grekan lingvon. F-ino Root samokaze submetis sin kun plena sukceso al ekzamenado por la diplomo pri instrua kapableco de la Esperanto-Instituto de Greklando (ni kore gratulas. — Red).

*Saloniki.* — F-ino Root, el Usono publike parolis kun plena sukceso pri Bahaismo kaj Esperanto.

## Hispanujo.

*Barcelona.* — « Nova Sento ». Kurso gvid. de S-ro Domécec finis. Nova kurso gvid. de S-ro Edo.

*Madrid.* — « Antaŭen », nova grupo fondiĝis.

*Oviedo.* — Infanteria kapitano Antono Gimenez Mora donas kurson.

*Palma de Mallorca.* — 30-1-28. Kunveno je honoro de D-ro Zamenhof. Festparolado de S-ro Miguel Ribas de Pina. Bone vizitata.

## Kanado.

*Vancouver.* — F-ino D. Saville, delegito de UEA gvidas kurson kun 14 p.

## Koreo.

*Seoul.* — Fondiĝis Korea Esperanto-Asocio. Adreso: 96, Kjong-un-dong, Seoul. Kunvenoj ĵaŭde 19-a horo.

## Litovio.

*Kaunas.* — La 27-11, okazis ĝenerala kunveno de Litova Esperanto Asocio. Estis priparolitaj diversaj organizaj aferoj, reelektita la estraro kaj komisionoj. La novan estraron eniris: P-ro A. Dambrauskas, L. K., honora prezidanto; A. Klimas, prezidanto; M. Dušanski, vicprezidanto; P. Lapiene, sekretario; L. Kalvelis, kasisto; A. Paškevičius, estrarano.

La revizian komisionon enriris: J. Dagys, J. Kutra kaj J. Lauzikas. La presservan komisionon eniris: L. Dambrauskas; D. Gudavičius, P. Lapiene.

La ekzamenan komisionon enriris: P-ro A. Dambrauskas. S-ino E. Janickiene, A Klimas kaj P. Lapiene.

## Polujo.

*Bialystok.* — Movado vigla. Okazis ekzamenoj por la partoprenintoj de la kursoj. La ekzamenojn partoprenis 49 personoj bone sukcesintaj. *La premiojn* ricevis: F-ino Perlis, F-ino Tokar, S-ro Zonŝajn, *distingojn:* F-ino Kurjanska, S-ro Karafiol, S-ro Naĥimoviĉ, S-ino Grondovska kaj S-ro Oljan. Dum la proksima tempo okazos la solena fermo de la Kurso kaj malfermo de Kursoj novaj.

*Bolechow.* — Kurso gvid de S-ro Hoszowski, del. de UEA, 9 per.

*Lwów.* — Post la kongreso en Danzig « Societo Esperanto » ekkomencis viglan agadon. Dum Internacia Orienta Fioro estis aranĝita « Esperanto-Propagando Stando ».

La 15-10-27, okazis en ĉambrego de Industria Muzeo, bone vizitita « Inaŭguracia Propaganda Festvespero ». Agrabla surpizo estis la klara voĉo de kara prez. D-ro Edmond Privat (pere de Tri-Ergon-diskoj). La 12-11-27, plensukcesa koncertvespero. Belegaj kantoj, majstre interpretitaj de l'operkantistinoj S-inoj Pastowna kaj Szleminska ravis ĉiujn. La koncerto komenciĝis per lumbilda, riĉenhava prelego de S-ano Schnützer: « Pri nuntempa Japanujo, ĝia popolo, literaturo kaj arto ». Ĉeestis multaj eminentuloj; ĉiuj gazetoj favore raportis. La 17-12-27 solena « Zamenhof-Festvespero » kun partopreno de ĥoro kaj artistoj. Profundpensan paroladon pri « Vivo de Zamenhof kaj lia verko » faris S-ano Schnützer. Du kursoj finiĝis. Komenciĝas du novaj kursoj (unu supera) gvidataj de S-ano Schnützer kaj unu kurso de F-ino Nadel-Krom tio la senlaca sekretario gvidas du kursojn por geoficistoj de « Karpata petrolindustria societo » kaj de Pola Aeroplana Linio Aerdot.

La estraro de la Societo, subtenata de sia protektanto S-ro eksministro D-ro Wladaylaw Slesbowicz, ĉefdirek. de Lvova Komerca Ĉambro, faras ĵus penadojn, ke fondiĝu en ĉi-tiea Eksport-Akademio konstanta katedro por Esperanto.

*Pelplin.* — Grupo fondita ĉe Seminario. 30 anoj. Adr.: A. Troszynski, Seminarjum Duchowne.

## Rumanio.

*Alba-Julia.* — Ĉe rom. kat. teologia seminario paroladis pri esp., laŭ instigo de P-ro D-ro Adalberto Baráth, teologo Deziderio Teleky. La paroladon ĉeestis multaj teologoj, pluraj profesoroj kaj kanoníkoj.

*Arad.* — 18-12-27. Librofesto en liceo « Iosif Vulcan ». Ĉirkaŭ 200 partropr. Arta programo. Paroladis direktoro V. Babescu kaj T. Morariu, gvidanto de Esp. Inst. Rum. Libroj venditaj por 100 sv. fr. Gazetaro favore raportis.

*Bucuresti.* — 28-12-27. Librofesto en restoracio Epurescu. 31 partopr. Paroladis H. Fischer, L. K., kaj T. Morariu, ĈD de UEA. Vendiĝis libroj por 50 sv. fr. Ĉeestis S-ro Sussmann et Vieno.

Laŭ iniciato kaj sub la aŭspicioj de I.C.K. en Genève dank' al la modela laboro de S-roj S. Prager kaj H. Harabaĝiu en Bucuresti, ĵus aperis « Slosilo de Esperanto » laŭ Ĉefeĉ-maniero kaj normo proponita de la Komerca Konferenco en Parizo. Per tio la rumana movado fine akiris unikan kaj tre valoran propagandilon, kiun oni povas uzi en ĉiuj okazoj.

*Cluj.* — Laŭ statistiko de Esp. Inst. Rum. dum 1927 aperis 319 artikoloj en la rumania gazetaro pri esp.

Sen speciala festeno, dum la Tago de la Libro vendiĝis libroj por 30 sv. frankoj.

## Svedujo.

En la studrondoj de A.B.F. (Arbetarnes bildingsförbund — la kleriga asocio de la laboristoj) oni ankaŭ studas lingvojn.

La angla havis la unuan vicon. Antaŭ tri jaroj la rondoj sin okupantaj kun Esperanto estis trideko. La nombro kreskis kaj en tiu-ĉi jaro Esperanto verŝajne superos eĉ la anglan. Ni povas konstati kreskantan intereson en la laboristaj rondoj kaj la malhelpoj komencintaj antaŭ dudek jaroj nun estas nuligitaj. La estroj de la fakunuiĝa movado nun interesiĝas kiel neniam antaŭe, la spertoj de la internaciaj kongresoj devigis ilin pripensi pli bonan metodon en la pritraktoj. Pro tio la asocio de la socialdemokrataj virinoj en nia lando nun enpresas en sia gazeto Morgenbris (Matena Vento) kurson en nia lingvo. Kaj ĉar la internacio de la socialdemokrata junularo decidis alpreni Esperanton kiel kongresan lingvon ĉe sia kongreso en 1929 la svedaj junaj socialistoj tre diligente nun lernas Esperanton. La gazeto de la sveda asocio de jundemokratoj, « Frihet » (Libereco) same nun havas kurson. Dank' al la genia kunhelpo de nia ŝatata samideano Andreo Ĉe, kiu trairis nian landon, farante paroladon en ĉiu loko, multaj el la parlamentonaj socialdemokrataj inkliniĝis fari ion por nia afero en la parlamento.

30-12-27, kunvenis la plej granda distrikto de la socialdemokrata partio sveda, nomata Laborista komunumo de Stockholm. Oni pritraktis tiam kvin proponojn al la kongreso, unu el ili pri Esperanto. S-ro John Johansson, Stockholm, faris per tre forta motivigo proponon pri Esperanto, kiu finis per la insisto « Ke la kongreso decidu admoni la reprezentantojn de la laborista partio en la parlamento agi por la enkonduko en la lernejojn de Esperanto almenaŭ kiel nedeviga temo; ke la ŝtato donu monan subvencion por krei instruistojn de la lingvo, kaj ke la Socialdemokrata partio ĉiamaniere disvastigu la konon pri la esperanta movado kaj morale apogu ĝin. La estraro de la unuiĝo substrekis nur la lastan punkton, sed dum la debato, kiun partoprenis S-ro Ĉe, kiu parolis esperante kun traduko de la proponanto, estis unuanime akceptata la propono kiel tia de la distrikto mem. Tiamaniere staras malantaŭ la propono aro da 30,000 membroj, kaj la propono tial fariĝis pli forta ol se ĝi estus sendota al la kongreso kiel aparta kaj persona.

En Stokholmo kun ĉirkaŭaĵo nun laboras dudeko de studrondoj en Esperanto. La inspektoro de la popolaj lernejoj permesis al nia samideano, popolinstruisto S-ro Malmgren instrui Esperanton en sia klaso, kondiĉe ke la infanoj lernu la saman kvanton de la sveda lingvo, kiu laŭ la plano devas esti lernata. Montriĝis ke la infanoj scias eĉ pli ol siaj kamaradoj en aliaj klasoj pri sveda gramatiko, kaj do ili havas esperanton « senpage ». En la tuta lando nia afero faras progreson, kaj tiel vigla nia movado neniam estis en nia lando. Malnovaj esperantistoj, kiuj antaŭe dum longa tempo estis for, reaperis kaj fariĝis apostoloj de nia lingvo. Ni laboras nun por enkonduki Esperanton en la regna programo de radio, kaj verŝajne ni ankaŭ sukcesos, se ne pli frue tamen en la venonta aŭtuno — jam nun instruas la loka stacio de Falun kun nia fervora samideano, la kontora ĉefo, S-ro F. Skog kiel parolanto, kurson en Esperanto.

*Joĉjo.*

## Turkujo.

Fondiĝas Turka Esperanto-Asocio. Estraro: Ahmed Hazim, prez.; Henk Goemans kaj M. Uziel, vicprezidantoj; I. Levy, sekretario; V. de Soria, kasisto. Kunvenejo: Asmali Medĵid 32, Pera.

*Aidin.* — Loka grupo elektis jenan estraron: Prez.: Mehmed Huluci; sekr.: Saïd Bej; kas.: Mustafa Ruŝdi.

## Usono.

*Austin* (Texas). — 92 univers. studentoj sekvas kurson ĉe Universitato en sama urbo. Instruas profesoro Kenngott (Laŭ The Austin Statesman). Fondiĝis grupo kun 200 anoj. (Laŭ The Daily Texas). — Gratulon !

*Bayonne N. J.* — Artikolo en « Reality » pri E., de S-ino Julia Goldzier.

*Cambridge Mass.* — En Phillips Brooks House, Harvard College, vespere Dec. 8, 1927 ĉe la « International Council », societo de Harvard, oni debatis la demandon: « Ĉu la Konsilantaro admonu uzadon de Esperanto kiel Internacia Lingvo? » Plimulto jesis.

*Milwaukee.* — Zamenhofa festo 10-12-27. Du kursoj gvid. de S-roj Haman kaj Hahn.

DEKTRIA KONGRESO
de la
INTERNACIA KATOLIKA UNUIĜO ESPERANTISTA
en Tilburg (Nederlando)
12-15 Aŭgusto 1928.

UNUA KOMUNIKO

*Dato.* — La Dektria Kongreso de I.K.U.E. okazos en Tilburg (Nederlando) la 12. Aŭgusto ĝis la 15. Aŭgusto. Partoprenantoj de la XX-a Universala Esperanto-Kongreso en Antverpeno do havos bonegan okazon por viziti Nian Dektrian.

*Loka Organiza Komitato.* — La Loka Organiza Komitato de Nia Dektria konsistas el jenaj personoj:

Prezidanto: S-ro J. A. Leibbrand, Rozenstraat, 12, Tilburg.

Sekretario-Kasisto: S-ro P. Verspeek, Broekhovensche Weg 100, Tilburg.

*Provizora Programo.*

Dimanĉon, 12 Aŭgusto:
10 h.: Diservo solena kun prediko Esperantlingva.
12 h.: Solena malfermo de la kongreso en la kongresejo.
15 h.: Diservo (Laŭdoj), kantado de Esperantlingvaj Himnoj.
17 h.: Unua laborkunsido.
19 h.: Amuzaĵoj.

Lundon, 13 Aŭgusto:
8 h.: Sankta Meso kun Esperantlingva prediko.
10 h.: Akcepto oficiala de la kongreso en la urbdomo; poste vizito de kelkaj vidindaĵoj en Tilburg.
14 h.: Dua laborkunsido.
20 h.: Tria laborkunsido.

Mardon, 14 Aŭgusto:
8 h.: Sankta Meso kun Esperantlingva prediko.
10 h.: Aŭtomobila ekskurso al 's Hertogenbosch kaj Eindhoven, por viziti diversajn lernejajn kaj industriajn institutojn. Komuna tagmanĝo en Eindhoven.

Merkredon, 15 Aŭgusto:
9 h.: Solena Meso kun Esperantlingva prediko.
11 h.: Kvara laborkunsido.
14 h.: Vizito al la bela natur-ĉirkaŭaĵo de Oosterwijk; tie: Ferma kunsido.

*Kongreskartoj.* — La prezo de kongreskarto, valora por la tuta kongreso, estas 2,50 guldenoj (5 sv. fr.) aŭ egalvaloro.

Plue la L.O.K. eldonas potagajn kartojn je la prezo de 1 guldeno (2 sv. fr.) aŭ egalvoro.

Personoj, kiuj ne povas ĉeesti la kongreson, sed tamen deziras ĝin apogi, aĉetu « Help-kongreskarton », kies prezo estas (minimume) 1 guldeno (2 sv. fr.) aŭ egalvaloro.

*Tagmanĝoj.* — La Loka Organiza Komitato decidis *ne* aranĝi komunajn tagmanĝojn. La kongresanoj do mem povas elekti la restoracion, kie ili volas tagmanĝi, laŭ la prezoj, kiuj plej bone al ili konvenas. Tiamaniere la kongresanoj pli libere povas uzi la tempon inter la laŭprogramaj kongresaferoj por promenado, pogrupa kunestado, konversacio, korespondado, k.t.p. Ĉiam nederlandaj gesamideanoj estos disponeblaj por ĉiurilate helpi ilin.

*Loĝado.* — La Loka Organiza Komitato klopodos ricevi specialajn prezojn por la kongresanoj en la diversaj hoteloj, tiel, ke ĉiu povas elekti hotelon laŭ la stato de sia monujo. Kutimo en Nederlando estas, ke la hotelprezoj enkalkulas la matenmanĝon. Same la L.O.K. klopodos akiri specialajn prezojn por lunĉo kaj tagmanĝo.

*Gvidlibro de la kongresurbo.* — Ni laboras al baldaŭ aperonta gvidlibro de Tilburg. Personoj, kiuj interesiĝas pri tiu urbo kaj nia kongreso, bonvolu peti senpagan alsendon de tiu libreto ĉe la sekretario de la Loka Organiza Komitato. Li notos iliajn nomojn kaj adresojn, kaj ĝin sendos tuj post apero.

*Pluaj rimarkoj.* — Nur en Eindhoven la kongresanoj tagmanĝos kune pro la aranĝo de la tiutaga ekskurso aŭtomobila. La prezon de tiu kuna tagmanĝo ni sciigos en la sekvanta komuniko. Same ni tiam sciigos la diversajn prezojn por loĝado, tagmanĝo, lunĉo, ekskurso, k.t.p., kaj pluajn prokongresajn detalojn. Certe la kongresaj elspezoj por kongreskarto, loĝado, manĝoj, ekskursoj, *ne* superos la sumon de 35 guldenoj (70 sv. fr.); ili povas esti multe pli malaltaj.

*Kongres-adreso.* — Ĉiujn korespondaĵojn oni sendu al: S-ro P. Verspeek, Broekhovensche Weg 100, Sekretario de la L.O.K., Tilburg (Nederlando).

*Monsendo.* — Bankbiletojn, papermonon, poŝtmandatojn, poŝtĉekojn oni sendu al la sama adreso. La numero de la poŝtkonto de la sekretario estas: 136676.

*La Loka Organiza Komitato de « Nia Dektria ».*

---

# PRESSA

## Starigo de speciala Kiosko de Esperanto en la Internacia Ekspozicio de la Gazetaro "Pressa"

(Majo ĝis Oktobro 1928 en Köln)

La gravega signifo de la venontjara Internacia Ekspozicio de la Gazetaro en Köln, en kiu laŭ ĝisnunaj aliĝoj partoprenos ĉirkaŭ 50 ŝtatoj, kaj la konvinko pri tio, ke nia lingvo neniam atingos celon sen efika helpo de la tutmonda gazetaro, instigis la Rejnlandan-Vestfalian E-Ligon *(Revelo)*, starigi por ĝia tuta daŭro

SPECIALAN KIOSKON KUN EKSPOZICIO DE ESPERANTO

kies kostoj estos proksimume 2000 RM. Revelo jam garantiis 300 RM por la unuaj elspezoj (luprezo por spaco k.t.p.), dum la kostoj de konstruo de la kiosko, kiu post la fino de la ekspozicio restos je dispono de aliaj E-organizaĵoj kaj ekspozicioj, estas kolektotaj ĉe la tutmonda Esperantistaro.

Ni do treege petas vin, ke vi kiel eble plej baldaŭ sendu al nia kasisto, S-ro F. Kurth, oficisto de regna financ-oficejo en Köln-Deutz, Leichlingerstr. 6 (germ. poŝta ĉekkonto 57801 Köln) subtenan mondonacon, ĉu sumegon, ĉu sumeton, por kiu vi kvitance ricevos poŝtkarton montrantan la kioskon kaj vidaĵon de la ekspozicio. Ni krome resume kvitancos en la ĉefaj E-gazetoj. Se la mono kolektita ne sufiĉos, ĝi restos je dispono de la tutmonda Esperantistaro, kiu povos decidi pri la uzado dum la XX-a Universala Kongreso en Antverpeno.

Komitato por Starigo de Speciala Kiosko
de Esperanto en « Pressa » 1928 Köln

Subskribis jam: D-ro Kliemke (Berlin), D-ro Arnhold (Dresden), P-ro D-ro Dietterle kaj D-ro Steche (Leipzig), Page (Edinburgh), D-ro Edm. Privat (Genève), Schoofs (Antverpeno).

---

# En kelkaj linioj . . . . . .

— I.C.K. en Ĝenevo petas nin pri diskonigo de la sekvanta informo: La firmo « Terramare Office » (Margaretenstrasse, 13, Berlin W. 10) publikigas en angla lingvo ampleksan senpagan programon pri ĉiuj kongresoj, ekspozicioj, k.t.p., en Eŭropo. Estas rekomendinde por ĉiuj naciaj societoj tuj sciigi la daton de sia nacia kongreso por senpaga enpreso en tiun ĉi programon. Urĝa informo estas necesa.

Nia redakcio tre rekomendas, ne preterlasi tiun ĉi okazon.

— Fondiĝis en Los Angeles, Cal. USA, Usona Trading Co., la celo estas:

Helpi Usonajn fabrikistojn, eksportistojn kaj komercistojn eksporti siajn komercaĵojn, helpi komercistojn kaj fabrikistojn de la tuta mondo vendi siajn produktojn en Usono.

Adreso: 320, California Building, Los Angeles, Cal., USA.

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K.S. — ANTVERPENO.